XIII[a] jaro. N° 191/192 (7/8) ☆ Monata ☆ 5 julio/5 aŭgusto 1916

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

| | |
|---|---|
| Ordinara eldono . . . . . . . . | 5.— Frankoj (2.— Sm.) |
| Luksa eldono . . . . . . . . . | 6.25 Frankoj (2.50 Sm.) |

*Svisa poŝtĉeka konto I. 824.— Oni akceptas nur tutjarajn abonojn.*
*La abonoj komenciĝas de la 1ª de ĉiu monato*

REKLAMO

| | |
|---|---|
| Reklamo (1 linio aŭ ĝia spaco) . . . . | 0.50 Fr. (0.20 Sm.) |
| Anonceto (1 linio: 10 vortoj) . . . . | 0.40 Fr. (0.16 Sm.) |
| Korespondado (1 enskribo) . . . . . | 0.50 Fr. (0.20 Sm.) |

*Rabatoj: 4 enpresoj 10 %; 12 enpresoj 25 %; 24 enpresoj 50 %*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## TEKSTO



## *Al niaj legantoj*

*Pro lasthoraj malhelpoj ni ne povis aperigi tiun ĉi duoblan N-ron kun 24 paĝoj, kiel anoncite, sed nur kun 20. La kvar mankantajn paĝojn ni aldonos al la novembra N-ro.*

*La proksima N-ro de* „Esperanto“ *(septembro-oktobro) aperos la* ***5 oktobro*** *kun 24 paĝoj.*

*La postproksima N-ro (novembro) aperos la* ***5 novembro.***

*ESPERANTO.*

NUNTEMPAĴOJ

## LA PACPROBLEMO

# NOVAJ VOJOJ

XIII

Resumo de la antaŭaj artikoloj. — 1ª Parto: La pacproblemo ne estas morala aŭ ekonomia, sed politika kaj jura. — La pacifistaj proponoj. La arbitracio kiel ĝi estas ĝis nun proponita ne estas sufiĉa, ĉar mankas al ĝi la bazo de internacia pozitiva juro kaj la necesaj trudrimedoj. — La principo de la popolrajto je memekzisto devas esti la jura bazo de la estonta ordo. Ĝia apliko postulas interŝtatan organizon. — La limigo de la armadoj. La armadoj estas neevitebla necesaĵo pro la neorganizita stato de la nacioj. Malfacileco trovi akcepteblan limigformulon. Limigo de la armadoj estos nur konsekvenco de interŝtata organizo. — Reformo de la diplomatio. La procedoj de la diplomatio estas kondiĉataj de la internacia ŝtatsistemo. Nur la starigo de ŝtatligo havus la nepran efikon transformi la diplomation, ĉar la funkcio mem de la diplomataro ŝanĝus kune kun la internacia reĝimo. — La komerca politiko dependas de la politika reĝimo. La protekcionismo estas la natura produkto de la interŝtata anarkio kaj povos malaperi nur kun ĝi. — La rolo de la gazetaro. — 2ª Parto: Fundamentoj de la federacio (ŝtatligo). Kongreso el la reprezentantoj de la ŝtatoj; ĝia organizo.

En la diversaj ĝis nun aperintaj projektoj, la aŭtoroj prezentas al si la organizon de la rega povo en malsamaj manieroj. Unuj proponas la starigon de internacia direktorio, balotata de la Kongreso kaj sendependa de la registaroj; aliaj lasas al la Kongreso la tutan aŭtoritaton, leĝofaran kaj regan; aliaj proponas la kreon de konstanta oficejo, pure administra organo.

Se oni allasas, ke en la unua federacia periodo, la Kongreso konsistas el delegitoj elektitaj de la registaroj kaj voĉdonantaj laŭ iliaj instrukcioj, oni ne povas akcepti la ideon de rega povo absolute sendependa de la registaroj. Fakte, en la sistemo, kiun ni klarigis, la Kongreso estas la esenca registara organo, kaj kiel tia ĝi havas ne sole leĝofaran, sed ĝis certa grado ankaŭ leĝoplenuman povon. Sed tiu ĉi Kongreso kunvenos nur je difinitaj epokoj, inter kiuj povas fariĝi gravaj okazantaĵoj, postulantaj rapidan decidon de la internacia aŭtoritato; aliparte, ĝi ankaŭ ne povas okupiĝi pri pure administraj aferoj, por kies pritrakto speciala organo estas necesega. Por respondi al la unua bezono, estos starigata konstanta kongresa delegacio, formota per la delegitoj de la grandaj regnoj (unu po regno) kaj de kelkaj delegitoj el la

aliaj regnoj, laŭ rondira vico. Al tiu konstanta delegacio apartenos la tasko efektivigi la decidojn de la Kongreso, prepari la tagordon de la kongresaj kunsidoj, disponi je la internacia polico kondiĉe ke ĝi tuj kunvoku la Kongreson.

Flanke de tiu konstanta delegacio kaj sub ĝia senpera kontrolo, ekzistos internacia administra oficejo aŭ kancelario, kiu okupiĝos pri la ekspedado de la aferoj, la konservado de la aktoj, la preparado de la projektoj prezentotaj al la Kongreso, la plenumo de la laboroj kaj enketoj, k. t. p. La bezono sendube ankaŭ naskos internaciajn esplorkomisionojn por la ekzameno de la politikaj, juraj, ekonomiaj kaj teknikaj demandoj de tutmonda graveco, ĝis nun ne solveblaj pro manko de internacia leĝofara povo.

La ŝtatoj ne sole estas organizo kreita por pure juraj celoj. Ilia rolo ne limigas sin je la protektado de la bienoj kaj de la personoj. Ili krom tio havas la devon plibonigi la vivkondiĉojn de siaj anoj kaj ebligi al ili pli kaj pli larĝan kulturan disvolvon. Por tiu celo ili starigis publikajn servojn en la diversaj fakoj de la intelekta, ekonomia kaj sociala vivado. Multflankaj estas la funkcioj de la moderna ŝtato, kaj ĉio supozigas, ke ĝia influo plie kreskos, ampleksonte la vastan kampon de la ekonomiaj rilatoj, kie ankoraŭ regas plena anarkio. Nu, same kiel funkcias lokaj, provincaj kaj naciaj servoj, devas ekzisti certaj internaciaj publikservoj, kiujn necesigas la kultura interdependeco de la civilizitaj regnoj. Eĉ jam sub la reĝimo de interŝtata anarkio, tiuj necesaĵoj alkondukis la kreon de diversaj konstantaj internaciaj institucioj, ĉu tute oficialaj, ĉu ŝtathelpataj, kiuj administras la servojn komunajn je ĉiuj civilizitaj landoj kaj kunordigas la grandajn naciajn publikservojn. En tiu rilato citindaj estas la oficejoj de la universala poŝta Unio, de la universala telegrafa Unio, de la industria posedrajto, de la arta kaj literatura posedrajto, de la internaciaj transportoj, kiuj havas sian sidejon en Berno, tiu de la pezoj kaj mezuroj en Parizo, la Agrikultura Instituto en Romo, la Oficejo de higieno en Parizo, la Labor-Oficejo en Basel, la Oficejo por la publikigo de la dogantarifoj en Bruselo, k. t. p.

Sub la federacia reĝimo tiuj institucioj sendube havos pli vastajn taskojn en rilato kun la novaj bezonoj de la internacia vivo. Aliaj konstantaj oficejoj certe kreiĝos, kiam pro la internacia sekureco la ŝtatoj povos dediĉi al civilizigaj taskoj la rimedojn kaj la laborfortojn, kiujn ili uzas por defendi sian teritorion kaj prepari la militon. La pozitiva kaj konstruema internaciismo, spontane naskita, dum la lasta jarcento, el la disvolvo de la komunikiloj kaj ekspansiemo de la modernaj ŝtatoj, estis senĉese malhelpita de la politika sistemo, kiu nun regas la mondon. Kiam la kondiĉoj de la politika medio estos profunde transformitaj kai, sekve de tiu idea transformiĝo, orda kaj paca reĝimo estos starigebla, la agado de la internaciaj institucioj grandege kreskos. Kun la tempo tiuj organizaĵoj fariĝos kvazaŭ supernaciaj ministrejoj prizorgantaj la grandajn konstantajn interesojn de la homaro kaj realigantaj en pozitiva maniero la kunlaboradon inter la kunligitaj nacioj.

Por juĝi la jurajn konfliktojn, speciale tiujn pri la apliko aŭ interpreto de la internacia juro kaj interŝtataj traktatoj, sin trudos la kreo de internacia juĝa kortumo. La dua Haga Konferenco, kun tre granda plimulto, voĉdonis la projekton de arbitracia juĝa kortumo, kies ekfunkciigo estis tamen malhelpata pro la malfacilaĵoj naskitaj de la problemo pri la elekto de la juĝantoj. Tiaj malsukcesoj estas neeviteblaj tiel longe kiel la universala publika opinio ne estis antaŭe reedukita kaj ĝiaj ideoj pri mondpolitiko ŝanĝitaj. Kiam la registaroj ne estas influataj de aktiva kaj organizita publika opinio, la ekvoloj de iliaj reprezentantoj estas rapide paralizataj de la bizantinaj diskutoj de la juristoj kaptitaj de teknikaj detaloj de procedo. Cetere, la kreo de internacia juĝa kortumo ne estas la plej urĝa necesaĵo, kiel kredas la pacifistoj. Plej bezona antaŭ ĉio estas internacia leĝofaranto. Por ke oni povu interpreti la juron, necesas, ke ĉi tiu ekzistu. Al la Kongreso, ne al juĝa kortumo, apartenos la tasko fiksi la internacian juron. La konfliktoj rezultantaj el malkonsentoj pri la interpretado de difinita jurpunkto, estas ĉiam malpli gravaj ol tiuj naskitaj de la kontraŭstaro de malsamaj juraj komprenoj, devenantaj el malsamaj kredoj.

Tamen, estas certe, ke internacia juĝa kortumo estos necesega sub la federacia reĝimo, ĉar la internacia juro estos fariĝinta realaĵo. Ni ne pritraktos la organizon de tiu instanco, tial ke la demando estis jam studita de multaj pacifistaj aŭtoroj, kies verkojn oni konsultu.

* * *

Jam diversfoje ni substrekis la nepran necesecon de internacia armeo celonta garantii la juron kontraŭ ĉia atenco kaj certigi la eksteran sekurecon de la kunligitaj nacioj. En la realeco, tiu armeo havos la taskon de polico, sed en sia interna organizo kaj en siaj agadrimedoj, ĝi ne tre multe diferencos de la nunaj armeoj. La limigo de la armadoj estos tuja konsekvenco de la nova reĝimo. Kiam la federacio estos starigita, la ŝtatoj povos interkonsenti pri limigformulo, ĉar ilia sekureco estos garantiita de la tuta asocio. Estas verŝajne, ke tiam la ŝtatoj tiel volonte malpligrandigos sian armeon kiel malvolonte ili ĝin faras nuntempe, kiam al ĉiu limigo de la armadoj, konsiderata en si mem ĉe anarkia reĝimo, efektive kontraŭstaras nesolveblaj malfacilaĵoj.

Je difinitaj templimoj, la Kongreso fiksos la armean kontingenton de ĉiu ŝtato (konstanta armeo kaj rezervoj), en rilato kun ĝia loĝantaro kaj la graveco de la koloniaj teritorioj de ĝi administrataj. Ĉiu nacio zorgos pri la rekrutado, instruado, organizado, armado de sia kontingento, kiun ĝi laŭbezone povos uzi por la konservado de la interna ordo kaj por publiklaboroj; tiun armeon ĝi devos meti je la dispono de la Kongreso en ĉiu okazo de bezono. La internacia aŭtoritato starigos unuformajn regulojn por la organizado, armado kaj instruado de la naciaj kontingentoj, tiel ke efika kunagado estu ebla. Por tio estos necese krei internacian militistan oficejon. La armilfabrikejoj estos eksproprigataj de la ŝtato kaj submetataj al konstanta internacia kontrolo. Al la internacia polica ŝiparo simila reĝimo devos esti aplikata.

En la okazo se ŝtato rifuzus submetiĝi al la Kongreso aŭ atencus la sekurecon de najbara regno, la internacia povo havas la devon militiste agi. La elspezoj de la militista ekspedicio estos pagataj de la kulpa ŝtato, kiu plie povas esti devigata je la pago de speciala kontribucio.

Vane estas nuntempe difini la proporcion laŭ kiu estos fiksata la militista partopreno de ĉiu nacio. Tiu demando proksime dependas de la kondiĉoj, en kiuj realiĝos la ĝenerala interŝtata pacorganizo. Tiujn kondiĉojn ni tute ne povas antaŭvidi, ĉar ĉio estas ankoraŭ farota. Ĉu la federacio jam komence ampleksos ĉiujn civilizitajn ŝtatojn aŭ nur limigitan nombron el ili, en kiu okazo armeo estus ankaŭ necesa por defendo kontraŭ la nacioj restintaj ekster la unuiĝo? Ĉu je la fondiĝo de la federacio la fundamentaj principoj de la internacia juro jam estos sufiĉe trapenetrintaj la spiritojn, aŭ ĉu pri ili ankoraŭ malkonsentos gravaj malplimultoj, el kiuj oni povus timi fortan kontraŭstaron? Pri tio ni nenion scias. Estas tamen permesate antaŭdiri, ke post kiam la ŝtatligo estos venkinta la malfacilaĵojn de la unuaj jaroj, la armeo de ĝi bezonata estos nombre malsupera kompare al tiu de unu sola nuntempa militista regno. Konsekvenco de tiu limigo estos, ke almenaŭ por la konstantaj militistaroj, oni povos denove apliki la sistemon de la memvola varbiĝo.

* * *

Kiel estis konstateble el tiu konciza skizo pri ebla federacia organizo, la novaj institucioj, postulataj de la ŝtatunio, estas malmultaj; la plimultaj el ili eĉ jam embrie ekzistis, ĝis certa grado. La Hagaj Konferencoj, je kiuj partoprenis la delegitoj de ĉiuj suverenaj ŝtatoj en la mondo, kaj multaj eŭropaj diplomataj kongresoj atestas pri la ebleco de internacia Kongreso konsistanta el ŝtataj delegitoj. Sed oni tamen ne forgesu, ke la federacia Kongreso grave diferencos de la ĝisnunaj diplomataj Konferencoj per tio, ke ĝi regule kunsidos, havas klare fiksitan kompetentecon kaj ĉefe alprenos siajn decidojn per la plimulto de la voĉoj, kio funde ŝanĝas la sistemon de la interŝtataj rilatoj. El tiu vidpunkto la proponita Kongreso similas la Federacian Konsilantaron de la Germana Imperio kaj la Dieton de la malnova Svisa Konfederacio. Embrion de internacia rega povo oni povis vidi en la Konferenco de la Ambasadoroj, kiu kunvenis en Londono dum la Balkanaj militoj. Jam nuntempe ekzistas multaj internaciaj oficejoj, kiuj volonte pligrandigos sian agadkampon. La administra oficejo de la Kongreso estus kredeble organizata laŭ la modelo de la Oficejo de la Americaj Respublikoj en Washington, kiu estas sub la kontrolo de Konsilantaro — simila al la de ni proponita kongresdelegacio — konsistanta el reprezentantoj de la amerikaj regnoj. Internacia militista kunagado parte realiĝis en la formo de eŭropa ekspedicio al Ĥinujo (Boxer-ribelo) kaj al insulo Kreto. Eĉ ekzistas militistaroj, kiuj konsistas el diverslandanoj (legioj en franca Afriko kaj en nederlanda Indio). Estas jam kreita konstanta arbitracia kortumo, kiu faris kelkajn juĝojn. Fine, post 1815, tre neperfekta unuiĝo de Eŭropo estis provita de la Sankta Alianco. Pli lastatempe, la tiel nomata eŭropa „koncerto" kolektive okupiĝis pri la restarigo de la ordo en kelkaj malbone organizataj regionoj.

Izole konsiderataj, la federaciaj institucioj ne estas tute novaj. Ni facile povas prezenti al ni la strukturon kaj la funkciadon de la diversaj organoj de la ŝtatligo. Tamen la priskribitaj institucioj estas nur la ostaro de la sistemo; ili estas la ekstera palpebla realaĵo; sed ilia kreo, tion ni ne forgesu, dependas de la transformo de niaj politikaj opinioj kaj kredoj. Nur blindaj juristoj, kies influo estas bedaŭrinde ankoraŭ tro granda, povas imagi, ke, por solvi la grandan problemon pri internacia ordo, sufiĉas trovi certajn formulojn, ellabori tekstojn de leĝoj kaj fiksi procedregulojn. Kiam mankas la firma volo atingi pozitivan sukceson — tiel, ekzemple, okazis ĉe ambaŭ Hagaj Konferencoj — la akordiĝo pri la formuloj ne realiĝas; oni tiam rapidas preteksti la malfacilaĵojn en la praktika kampo por forlasi verkon komencitan sen ia konfido je la fina sukceso. Kontraŭe, se intensa celkonscio vivigas la leĝofaranton, la juraj demandoj, malgraŭ siaj propraj malfacilaĵoj, estas solveblaj, ĉar la tutpotenca ideo pri la atingota celo unuigas la sentojn kaj superas la eblajn malkonsentojn pri la rimedoj. La federacio estas ankoraŭ nura projekto, ne ĉar ni ne interkonsentas pri ĝia organizo, sed ĉefe ĉar la volo de la popoloj ne estas ankoraŭ firme direktita al tiu radikala solvo de la pacproblemo.

Ni juĝis utile desegni la ĉefliniojn de la federacia organizo, ĉar estas nehoneste propagandi celadon, plene silentante pri la praktikaj detaloj, el kiuj oni povas vidi, ĉu la proponitaĵo estas realigebla aŭ ne. Sed oni neniam devas forgesi, ke ĉia internacia ŝtatorganizo, kiel ajn simpla ĝi estas, estas starigebla nur sur tero fruktigita de nova sento. La ideo, ke la nacia ŝtato estas la plej alta esprimo de la kolektiva vivo tute superregas niajn nuntempajn politikajn idealojn. Sendube oni akceptas, ke tiu nacia ŝtato devas resti je la servado de la homaro, de la justeco, de la civilizacio. Sed tiuj ideoj estas tro malprecizaj, tro diverse interpreteblaj, por ke ili povu aliigi la ekskluziveman karakteron de la nacia idealo. Ni unue lernu subigi nian nacian patrujon al pli alta kaj pli sinteza realaĵo, en kiun povos enkorpiĝi ĉiuj patrujoj, ne rezignante je sia individueco kaj je sia civiliziga rolo. Tiun subigon de la nacio al la naciaro, de la parto al la tuto, ni devas realigi ne sole en la mekanismo de la institucioj, sed en niaj spiritoj. Ni unue kutimiĝu diri kaj pensi, ne plu: patrujo antaŭ ĉio, sed: federacio super ĉio!

*(Daŭrigota.)* *H. Hodler.*

##  SOCIA VIVO 

## La sociala politiko dum kaj post la milito

I

La ekscitoj de la milita epoko kaj ĉiuj ĝiaj specialaj problemoj kaj suferoj en tre alta grado deturnis la atenton de la popolamasoj de la malbonaĵoj kaj problemoj de la ĝenerala socia disvolvo. Certe ili ne ĉesis ekzisti; sed animaj fortoj, kiuj eĉ pli vigle malfirmigis la fundamentojn de la vivo, momente ilin forgesigis, direktis ĉiujn kreantajn fortojn ankoraŭ lasitajn al la popoloj en alian direkton.

Ankaŭ la monrimedojn, necesajn por la disvolvo de la sociala politiko, oni uzis por la senproduktaj fortoj de la milito, kaj la statistikaj fundamentoj de ĉiu demando estis tiel aliigitaj per la eksterordinaraj disvolvoj de la milito, ke organisma, daŭra reformo estus malfaciligita.

Se ni konsideras ĉiujn tiujn vidpunktojn, ni ne miros pri tio, ke la socialpolitikaj progresoj de la lastaj dudek monatoj estis tiom malgravaj, sed prefere pri tio, ke entute estis tiaj progresoj, kaj ke la tie ĉi kaj tie okazintaj *regresoj* de la socialpolitikaj institucioj — precipe je l' komenco de la milito — la forigo de la garantioj kreitaj favore al la laboristaro, kiuj devis malhelpi la senliman disvolvon de la produktpovoj kaj la alcentrigon de ĉiuj popolaj energioj al la milito, ne havis pli da konsekvencoj.

Kiel karakteriza ekzemplo de tiu regresemo ni mencias la ordonon de la r. i. aŭstria komerca ministrejo de l' 11 septembro 1915. Ĝi unue akcentas la gravecon de la leĝaj reskriptoj, kiuj malpermesas la dumnoktan laboron de junaj laboristoj, ne havantaj 16 jarojn, sed poste konsideras la specialan situacion, devenintan el la militistaj cirkonstancoj, kaj konklude permesas la okazan malobeon al tiuj reskriptoj. La ordono plue diras, ke „konsiderante la specialan protektbezonon de tiu por la estonta militpovo de l' ŝtato tiel grava klaso de laboristoj," tiuj permesoj por dumnokta laboro de knaboj devas esti pli maloftaj ol tiuj por nokta laboro de virinoj kaj knabinoj, cetere ambaŭ nur en okazoj de urĝa *militista bezono* k. t. p. Do la dumnokta laboro de knabinoj, kiun la socialpolitikaj teorio kaj praktiko pro homamaj, moralaj kaj higienaj motivoj tiel unuanime estis malaprobintaj, kies forigo estis decidita de internaciaj kontraktoj kaj estis estinta unu el la plej gravaj akiroj de la sociala politiko, estas nun permesata, eĉ pli amplekse ol la dumnokta laboro de la knaboj.

Ni ankaŭ menciu tie ĉi la *plimallongigon de la ripoztempoj* por la fervojistoj en Prusujo, kaj ankaŭ la permeson, kiun dekretis la prusaj minejaj oficistaroj, por *okupo de junaj laboristoj je laboroj „sub tago"* (unter Tage), spite la kontraŭdiro de la socialdemokratia frakcio en la prusa parlamento (kunsido de l' 6 marto).

* * *

Ni nun pritraktu la problemojn koncerne la prizorgon de la laborista enloĝantaro, kiaj ili estas karakterizaj por la daŭraj cirkonstancoj de nia ekonomia epoko. La rimedojn

kontraŭ la malbonaĵoj de l' milita tempo, ekz. la maksimumprezojn, kiuj fariĝis necesaj kontraŭ la efikoj de ekonomia blokado, la militprocentego k. t. p., ni ne pritraktos.

La *novaj* socialpolitikaj *progresoj* dum la milito rilatas, krom du, nur al neŭtralaj landoj, kaj aliparte al la klasika lando de la leĝdonado por protekto de la laboristoj, Aŭstralio.

En *Norvegujo* oni, per leĝo de l' 18 septembro 1915, fiksis maksimuman labortagon de 10 horoj kaj maksimumon de 54 horoj posemajne.

En *Aŭstralio*, per leĝo de la 7 decembro 1914, oni atentis multajn praktikajn spertojn rilate al la salajroj kaj industriaj arbitraciaj tribunaloj, kaj pliigis la efikeblecon de tiu rimedo por industria paco.

En *Norvegujo*, la 6 aŭgusto 1915, estis ree donata alia de l' sama liberalismo inspirita leĝo pri jura solvo de malkonsentoj inter laboristaj asocioj kaj labordonantoj. Ĝi ordonas, ke konfliktoj inter laboristaj asocioj kaj labordonantoj, kiuj rilatas al interpreto de tarifkontrakto, ne estas solvotaj per striko, sed per labortribunalo, en kiu ambaŭ partioj estas reprezentataj. Malkonsentoj, kiuj ne rilatas al interpreto de tarifkontrakto, do rilatantaj al konfliktoj pri intereso kaj ne pri rajto, estas solvotaj per striko nur post kiam la limtempo de l' maldungo estas pasinta kaj post kiam 4 tagoj pasis de l' tempo, kiam la konflikto estis anoncita ĉe ŝtata peranta oficejo. Tiu ĉi havas la devon, uzi la kvartagan limtempon por ebla perado. Se ĝi ne sukcesas, la striko povas okazi.

En *Svisujo* oni, la 8 januaro 1915, eldonis alplenigan leĝon, por faciligi la enkondukon de l' asekuro kontraŭ akcidentoj, kaj forigi kelkajn praktikajn malfacilaĵojn.

*Germanujo* malaltigis la aĝlimon por la pago de la invalidrento de la 70 al la 65 vivjaro. La „Reichstag" unuanime akceptis proponon al tio rilatantan, kaj poste la „Bundesrat" ellaboris konforman projekton, kiu sendube baldaŭ fariĝos leĝo.

La plej grava el la socialpolitikaj antaŭrimedoj dum la milito, duoble interesa, ĉar ĝi okazis en militanta ŝtato, estis la enkonduko de minimumaj salajroj por la hejmlaboristinoj en *Francujo*. Post diskutoj, kiuj daŭris dum multaj jaroj, ĝi, la 10 januaro 1915, fariĝis leĝo. Ĝi eĉ superas la proponojn, kiuj en la jaro 1914 ŝajne akiris la konsenton de la parlamentaj aŭtoritatuloj. Por la hejmlaboristino estu fiksita minimuma salajro, tiel same alta kiel la meza salajro de metiejlaboristino de l' sama industrio (aŭ, se en iu fako ekzistas nur hejmlaboro, de parenca industrio). La fiksado de tiu ĉi meza tagsalajro por metiejlaboro estas komisiita al specialaj laborkonsilantoj aŭ al kompetentaj komitatoj, kiuj krome devas esplori, kiom da tempo estas necesa por la apartaj seriaj laboroj de la hejmlaboro. La multobligado de la tiel fiksita horsalajro kun la nombro de la por la apartaj fabrikaĵoj necesaj laborhoroj tiam montras la minimumsalajron por ĉiu laboro (ekz. fabrikado de ĉemizo). La ciferoj estas publikigataj, kaj se la labordoninto donis al la laboristino malpli ol la minimuman salajron, ne nur ŝi, sed ankaŭ certaj socialaj ligoj, eĉ asocioj de metiaj laboristoj, havas la rajton, sin turni al tribunalo, por postuli pagon de la diferenco al la laboristino.

Se ni resumas la rezultojn de tiu ĉi esploro, ni trovas, ke la demokratiaj modelŝtatoj, Norvegujo kaj Aŭstralio, nur malmulte infektitaj de l' milito kaj de ĝia ekonomia krizo, nemalhelpite daŭrigas sian reformlaboron. El Anglujo ne estas raportata ia ajn grava reformo. Germanujo en pure homama rilato — koncerne la prizorgon pri siaj maljunaj laboristoj — faris unu paŝon antaŭen; same Francujo (verŝajne pro sento de nacia solidareco, kiu silentigis iujn kontraŭdirojn el senkonsidera profitemo) fakte starigis la leĝon pri la hejmlaboristinoj, kiun ĝi ĉe l' militeksplodo jam estis decidinta. Ĉar multaj armeliveradoj estas komisiataj al hejmlaboro, kaj ĉar la armeadministracioj tradicie ne ĝuas la saman liberecon kiel la privata industrio, ankaŭ tiu ĉi ŝtatsocialista pensnuanco, kiu sur alia kampo eĉ multe pli amplekse sin montris en la ŝtataj aranĝoj de la biendispartigo de l' germana imperio, eble kunhelpis.

Ni ankaŭ menciu ĉi tie la ordonojn de l' ĉefkomando en la Marken (Prusujo) pri maksimuma labortempo, laborreguligo kaj malpermeso de tre malaltaj salajroj en la fabrikado de teksaĵoj. Tamen ili ĉiam antaŭvidas esceptojn por liveradoj havantaj specialan intereson por la armeadministracio.

Tamen ŝajnas al ni, ke tiuj specialaj okazaĵoj tute ne malfortigas la ĝeneralan regulon de la malakcelo de l' socialpolitika progreso per la milito; ĉar esenca parto de la prirespondaj faktoroj (precipe la uzo de ĉiuj monrimedoj por la milito kaj ties sekvoj) daŭros efiki eĉ post la milito, la rezulto de tiu ĉi esploro estas atentinda ankaŭ por la ĉefa demando de nia artikolo, koncernante la probablecojn post la milito.

Kiel ni diris antaŭe, ŝajnis en la unuaj semajnoj de la milito, kvazaŭ la ĝenerala krizo, la malpliigo de la rimedoj de la monhavaj klasoj kaj la ĝenerala konfuzo, kaŭzus ĝeneralan malaltigon de la laborsalajroj en la industrio, eĉ en la mastrumado.

Ĉiu ja aŭdis pri la multaj ekzemploj, kiam fabrikestro aŭ dommastrino igis siajn salajrulojn elekti inter eksiĝo aŭ laboro por malpliigita salajro; sed la adaptopovo eĉ al la plej strangaj ekzistkondiĉoj, kiu ja estas fundamenta eco de l' homo, venkis ankaŭ la konfuzon de tiu komenca epoko. La laboristoj kaj la labororganizoj ree lernis konsideri siajn proprajn interesojn; la regreso de la salajroj ĉesis, kaj en multaj militindustrioj ĝi eĉ cedis lokon al plialtigo de ili, pro tio, ke registaro kaj industrio — dank' al pruntoj kaj je l' kosto de la venontaj generacioj — entute emis al ĉiu ajn ekonomia rabo, se nur certaj armebezonoj povas esti kiel eble plej rapide kontentigitaj.

Tiamaniere estis eble, dediĉi altajn prezojn kaj grandajn gajnojn por la aliigo de l'industrio en militlaborejoj; tiel la koncernantaj entreprenistoj kapablis, altiri al si per promeso de altaj salajroj la por siaj fabrikadoj necesajn laboristojn. Aliparte la granda altigo de la prezoj por nutraĵo devis produkti ĝeneralan deziron al plialtigo de la monsalajroj, kiu tamen ne signifis same grandan plialtigon de la realaj salajroj.

Ĉi tiu progresado tamen ne rilatis al la fundamentaj garantioj por higiena vivo, sed nur al la ekstera, ŝanĝema, eĉ ofte por la laboristaro malfavora momento de l' salajraltigo. Ekzemple la salajroj de tre junaj laboristoj, kiuj pro manko de plenkreskaj laboristoj devis esti dungitaj por industriaj laboroj, estis parte tiom altigitaj, ke laŭ la opinio de la estraroj, okazis danĝeroj por ilia sano kaj moraleco (ebrieco, seksa diboĉo k. t. p.), kaj ke la ĉefkomandanto en la Marken (Prusujo) dum marto 1916 publikigis ordonon, laŭ kiu al junaj laboristoj sub 18 jaroj devas esti donata salajro nur de 18 markoj posemajne kaj la trionon de l' krome efektive laborakirita salajro, dum la resto estas procentedonota al ŝparkaso profite al junulo. Antaŭrimedo, kiu havas la ŝajnon de kuraĝa sociala novaĵo, sed kiu, en normalaj, laŭraciaj cirkonstancoj, rapide disfalus.

Sed tiuj salajraltigoj estas, kiel ni jam diris, kompensataj per forigo de higienaj kaj demokratiaj garantioj, kaj precipe en *Anglujo* la publika atento, post longa kontraŭstaro, estis direktata al rezigno de l' flanko de la metiaj asocioj je multaj rajtoj akiritaj de ili per longaj pacaj klopodoj.

Per la dungo de nespertaj laboristoj la kvanto de produktoj povis esti pliigata, per la militistigo de gravaj fabrikadbranĉoj oni povis eviti strikojn. Per la permesoj de

l' armadministro por fiksado de minimum-salajroj por nespertaj laboristoj kaj la starigo de industriaj arbitraciaj tribunaloj oni eĉ povis prepari la vojon al gravaj progresoj, kiuj ĝis nun ŝajne malsukcesis pro la emo al libereco kaj al interklasa batalidealismo de la metiaj asocioj. En tiu ĉi kurbigo de la individuaj instinktoj, kaŭzita de la masspirito de l' tempo, eble troviĝas la solaj por la estonto uzeblaj socialpolitikaj ĝermoj de la nuna kriza periodo, sed aliparte la malfortigo de la laboristaj asocioj, la malpotencigo de ĉiuj demokratiaj organizoj devas tamen esti konsiderata kiel socialpolitika regreso, kiu — supozeble — esence finiĝos kun la milito. Ĉar laŭsperte longa senigo naskas la deziron je kompromiso, kaj estas verŝajne, ke post packontrakto, aŭ certe post restarigo de la normalaj industriaj kondiĉoj, venos periodo de plifortigita klasbatalo, spite ĉiuj esperoj pri „unuigo de la klasoj" kaŭzata de l' ideo patriota dum la milito; esperoj, kiuj verŝajne pereos kun la ĉeso de la militaj pasioj kaj la sobra ekkono de la terura realaĵo.

El la spertoj de la militepoko oni do povas dedukti por la estonto tiel jesajn kiel ankaŭ neajn certaĵojn por la batalamo de la laboristaro kaj la socialpolitika agado. Kompleta bildo, klara ekkono de la probablaĵoj por la postmilita tempo povas esti akiritaj nur per analizo de la diversaj unuopaj faktoroj koncernantaj la socialpolitikajn progresojn. Esploro de la rilatoj inter la jam koneblaj rezultoj de l' milito kun tiuj specialaj faktoroj nin kondukos al pli perfekta kompreno de l' problemo.

*(Daŭrigota.)* *Prof. D-ro Broda* (Bern).
Trad.[1]: *A. C.*

[1] El *Dokumente des Fortschritts* (aprilo 1916).

## La tasko de la internaciaj Asocioj

Se oni allasas la vidpunkton, ke la militon akompanas granda revolucio, kaj se oni konsideras, ke post la nuna periodo de detruado sekvos periodo de rekonstruado en ĉiuj fakoj de la socia agado, ŝajnas, ke al la internaciaj asocioj sin trudas unua devo: denove formuli, adaptante ilin al la novaj cirkonstancoj, la idealon kaj la principojn, kiujn ĉiu asocio en sia propra agadkampo antaŭe esprimis.

Antaŭ fundamenta problemo nun staras la homaj socioj, riĉaj je siaj grandegaj loĝantaroj, je la amasigitaj fruktoj de sia laboro, je la teritorioj, kiujn ili ordigis laŭ siaj bezonoj, je ĉio, kion la scienco kaj la tekniko instruadis al ili. La demando estas, kiamaniere ili devas reguligi sian kunekzistadon, interdividi la profitojn de la terglobo, anstataŭigi la ruinigan konkuradon per akordiĝo kaj kunlaborado. Tio estas la problemo de la internacia organizo. Logike ĝi estas pli alta kaj pli ĝenerala ol la problemo de la internacia juro, ĉar de ĝi ne dependas ĉiuj reformoj; multaj el ili ja devas esti realigataj per nacia agado, multaj per kunagado de la individuoj kaj de la asocioj. El tio sekvas, ke ĝenerala organizo de la grandaj tuthomaraj interesoj — unuavice la sekureco de la personoj kaj bienoj — povas rezulti nur el la iom-post-ioma organizo de la diversaj fakoj de la tutmonda vivo. Nu, ĝuste al ties difino kaj preparado laboris la internaciaj asocioj de la antaŭmilita tempo. Ili ankoraŭ taŭgas por daŭrigi tiun taskon. Malpli ol iam, la kondukado de la homaj aferoj povas esti fordonata al la hazardo: al la stato, en kiu ni nun estas, kondukis nin ĝuste la malordo en la ideoj kaj en la rilatoj, la anarkio en la ekonomia, politika kaj morala sistemo de l' mondo!

La grandaj tutmondaj fortoj jam internacie organizitaj konsciu pri sia devo rilate al la estonteco: la fortoj de l' scienco, de l' eklezioj, de l' socialismo, de l' feminismo, de l' industrio, de l' komerco; la juristoj, la moralistoj, la kuracistoj, la aferistoj, la politikistoj. Dum oni militadas, dum la buĉado preterdaŭras, dum la mortintoj kaj la ruinoj amasiĝas, kaj, por ne fiksita tempo, ankoraŭ fluados la sanga rivero, devas resti, se eĉ nur malgranda, aro da homoj, kiuj pripensas je tiuj demandoj, ekzamenas kiel, je la fino la ideo devos venki la forton, kiel la regado de la racio kaj de la konscio anstataŭos la regadon de la apetitoj, de la instinkto, de la brutaleco kaj de la malklereco.

Hodiaŭ la tuta demando staras tie: Ĉu de nun oni rekonos „tuthomajn", „supernaciajn" interesojn, super la arbitro de ĉia individuo kaj registaro?

Tiu serĉado de la „tuthoma" kaj de la „supernacia" estas la propra celo de la internaciaj asocioj. Al ili apartenas la tasko ĉiam pli klare eltiri ties komprenon. En ĉiu fako de ideoj kaj faktoj, ili devas diferencigi inter tio, kio estas necesa kaj fatala, kaj aliparte tio, kio dependas de la organiza volo de l' homo. Poste aliaj taskoj sin trudos. Unue, la klopodoj kaj traktadoj necesaj por ke tiujn programojn alprenu tiuj, kiuj povas helpi al ilia realigo, nome la registaroj kaj la aliaj organizitaj fortoj. Plie, ĉiu asocio devas, en sia propra fako, labori je la formado de la publika opinio, kiu pli kaj pli superregas la registarojn kaj sociajn fluojn.

Krom tio, por pluraj internaciaj asocioj, kies interesoj estas senpere implikataj en la nuna konflikto, la vojo sekvota devus esti jena:

*a)* Prepari, el la vidpunkto de la internacia asocio, la kondiĉojn, pri kiuj estus dezirinde, ke ili estu enmetataj en la pactraktaton aŭ en la rilatajn aktojn. (Ekzemple, la labororganizaĵoj komencis la studon de la laboristaj kondiĉoj de la proksima traktato.) Por tiu celo, ili devos reekzameni la antaŭmilitan situacion, eltiri la instruojn de la milito, submeti la antaŭprojektojn al enketo kaj referendumo.

*b)* Prepari internacian dokumentaron por apogi la proponitajn kondiĉojn kaj utili al la informiĝado de la pacperantoj.

*c)* Prepari la kunsidon de internacia konferenco samtempe kaj samloke kiel la diplomata konferenco pri la pactraktato. (Jam al tio prepariĝas la laboristaj organizaĵoj: invito de la Usona Labor-Federacio, akceptita de la franca Labor-Konfederacio; al tio ankaŭ prepariĝas la internacia Kongreso de la virinoj, la centra organizo por daŭra paco kaj aliaj).

*Paul Otlet*
Ĝen. sekretario de la Unio de la Internaciaj Asocioj.
Trad.: *E. B.*

## Konferenco de la naciecoj

En la jaro 1912 estis fondita Unio de la naciecoj, kiu celis kunligi la naciecojn aspirantajn al memregado. Tiu organizaĵo lastatempe translokigis sian sidejon de Parizo al Lausanne por havi la eblon sin dediĉi al la defendado de *ĉiuj* suferantaj naciecoj. La 27—29 junio ĝi aranĝis en Lausanne la trian konferencon de la naciecoj, en kiu partoprenis la delegitoj de dudek-tri naciecoj eŭropaj kaj orientaj.

La ses kunvenoj de la Konferenco estis publikaj, kaj je ili ĉeestis reprezentantoj de la gazetaro. Malgraŭ la kontraŭstaro de tiom da interesoj kaj la pasioplena atmosfero de la nuna momento, la kunvenoj estis tute dignaj. La delegitoj de la naciecoj, dependantaj de la du grupoj nun militantaj kaj ankaŭ el nemilitantaj landoj, povis libere esprimi siajn opiniojn kaj komuniki siajn dezirojn, sen la

grava malagrablaĵo aŭ sentaktaĵo. Tio montris, ke malgraŭ la milito internacia kongreso ankoraŭ estas ebla, se nur sama idealo ligas ĉiujn kongresanojn.

La konferenco estis talente kaj senpartie prezidata de S-ro Paul Otlet, ĝenerala sekretario de la Internacia Bibliografia Instituto, kiu — notinda fakto — en unu el la laborkunvenoj, post parolado de iu delegito en . . . kirgiza lingvo, atentigis la ĉeestantaron pri la signifo de Esperanto por la interpopolaj rilatoj.

La Konferenco voĉdonis deklaron de la rajtoj de la naciecoj, kiun ni ĉi-sube represas, kaj aŭdis la raportojn de la diversnaciaj delegitoj pri la respektiva stato de ilia lando kaj ĝiaj aspiroj. Ĝi decidis, ke la laboroj estos daŭrigataj de konstanta komisiono konsistonta el reprezentantoj de ĉiuj naciaj delegitaroj, sub la aŭspicioj de la Unio de la naciecoj. Tiu komisiono kunvokos novan konferencon je la taŭga momento.

En la lasta kunveno, nia samideano Edmond Privat elokvente montris la signifon de la tasko, kiun plenumis la konferenco, kaj rebatis kelkajn malbonintencajn senfundajn kritikojn. Kiel sviso, li esprimis sian ĝojon, ke delegitoj el ĉiuj suferantaj popoloj povas nuntempe kunsidi sur la neŭtrala teritorio de Svisujo kaj interkonsiliĝi por la starigo de pli juste organizata Eŭropo. Fermante la konferencon, S-ro Otlet per altinspira parolado, entuziasme aplaŭdata de ĉiuj aŭskultantoj, atentigis pri la graveco de la farita laboro kaj en noblaj frazoj substrekis la belecon de la idealo de internacia ordo.

Jen la teksto de la deklaro de naciecoj, kiun post diskuto unuanime akceptis la delegitoj de la dudek-tri reprezentitaj naciecoj.

*I. Rajtoj de la individuoj*

Neniu povas esti ĝenata pro sia deveno, sia lingvo aŭ sia religio, nek pro tio esti submetata je netolerema, nedeca aŭ nerespektema traktado. Ĉiu homo, kie ajn li troviĝas, rajtas je la civila egaleco, je la libereco de opinioj kaj de kulto, kaj je la libera uzado de la lingvoj.

La interkonsento kaj la respekto de la rajtoj aplikiĝas egale al la Eŭropanoj (Azianoj, Kaŭkazanoj, Okcidentuloj blankaj kaj Eŭropanidoj enloĝiĝintaj en aliaj mondpartoj) kaj al la Orientuloj (ĉiuj gentoj aliaj ol la eŭropaj gentoj).

*II. Rajtoj de la naciecoj*

La naciecoj, ĉu ili estas fonditaj sur komuneco de origino, de lingvo, de tradicio, ĉu ili rezultas el libere konsentita asocio inter malsamaj gentaj grupoj, rajtas libere disponi je si mem. Ili estas personoj de la internacia juro.

La justa fundamento de la ekzistado de la ŝtatoj devas esti la suvereneco elmontrata per la libere esprimata volo de la enloĝantaro.

Estu nek aneksado, nek transcedo de teritorioj, kontraŭe al la interesoj kaj deziroj de la loĝantaro.

Estu ankaŭ nenia deviga elmigrado. Nek la almilito, nek la sango verŝita por la okupo, nek la historia posedo, nek la paca interveno, nek la naturaj limoj, nek la strategia utileco, estas rajtoj je enloĝantaro aŭ teritorio.

Por la rekono de la rajtoj de la naciecoj, estos starigata proceduro celanta ellaborigi la internacian statuton de la naciecoj per la Haga internacia arbitracia kortumo (aŭ ĉia alia kreota internacia institucio: Kongreso, Internacia Parlamento, Internacia konstanta konsilantaro por interkonsento). La naturaj reprezentantoj de la naciecoj (organizaĵoj aŭ kleraj elitoj vere reprezentantaj la naciecojn) enkondukos la instancon antaŭ la Kortumon, kiu decidos, ĉu tiuj reprezentantoj vere reprezentas la naciecon. La Kortumo ankaŭ fiksos la etnografiajn limojn de la nacieco, laŭ la sciencaj bazoj rekonataj. En okazo de bezono, ĝi povos ordoni, sub sia kontrolo, prenante garantiojn de senpartieco, popolkonsultadon por koni la volon de la nacieco. Je ĉiuj gradoj, la proceduro estos diskuta kaj publika.

*III. Memregado*

Interne de la ŝtatoj, la naciaj grupoj rajtas je la sama memregado kiel la individuoj. En la regionoj kun miksitaj loĝantaroj, kiuj prezentas grandajn diferencojn de karaktero kaj moroj, estos starigata la reĝimo de persona statuto kompletigata per taŭgaj naciaj kolektivaj institucioj certigantaj al tiuj loĝantaroj lernejojn kun ilia lingvo kaj preĝejojn konformajn al iliaj religiaj tradicioj.

*IV. Pluaj rajtoj de la naciecoj*

La sendependaj naciecoj, krom je la teritorio, rajtas je la esencaj kondiĉoj de la vivo kaj progresado de la civilizitaj nacioj, nome: la rajto komercadi kun siaj najbaroj, la rajto je la fervojaj kaj vojaj komunikoj certigantaj liberan eliron je la maro, la libereco de ekspansio de la kolonioj (elmigrado, enloĝiĝo, komerco).

Ĉe la riveroj trapasantaj la teritorion de pluraj naciecoj, devas esti internacie certigata al ĉiuj bordanoj la uzado de ilia akvo kaj malpermesata la akaparado de l' transito, de la hidraŭlika forto kaj de la irigacioj.

*H. H.*

---

# La revenĝoj kontraŭ militkaptitoj

La Internacia Komitato de la Ruĝa Kruco ĵus alsendis al la militantaj kaj neŭtralaj landoj la jenan alvokon pri la revenĝaj decidoj kontraŭ la militkaptitoj:

La Ruĝa Kruco, kiu, ni estas feliĉaj tion konstati, tiel grandege disvolviĝis dum tiu ĉi milito, kaj kies bonfara agado efikas ĉe la militantaj landoj kun helpo de la neŭtralaj, estis fondita por unu sola celo: la humaneco.

Ĝian kreon instigis la deziro iel plidolĉigi la militsuferojn precipe ĉe tiuj, kiujn iliaj vundoj, ŝparinte la vivon, faris senpotencaj kaj senkulpaj.

En tiu milito la grandega nombro de la militistoj naskis kvazaŭ novan klason de malfeliĉuloj, ĉar, kvankam ĝi jam antaŭe ekzistis, neniam ĝi estis atinginta la hodiaŭajn proporciojn, nome: la militkaptitoj. Ili ankaŭ estas senpotencaj, senrezistaj, sub la arbitro de la malamiko, kiu devigis ilin demeti la armilojn kaj peti de ĝi la vivon.

La kaptito, kiu sendomaĝe trapasis la militon, estas certe malpli kompatinda ol la vundito kuŝanta sur hospitala lito. Tamen la kaptiteco, tiu deviga ekzilo for de la patrolando, for de la hejmerestintoj, kun kiuj la komunikoj estas malofta kaj necertaj, la longa senokupeco, kaŭzas intensan moralan suferon, kiu estas kreskanta kune kun la daŭrado de la milito.

Ni konfesas, ke ĝenerale la militantaj landoj faris tion, kion ili povis, por ke la vivo de la militkaptitoj estu tolerebla, kaj por ne igi ilian kondiĉon ankoraŭ pli malfeliĉa, aldonante la fizikan suferon. La inspektvojaĝoj de niaj delegitoj konigis al ni la gravajn plibonigojn, ĉu pri la aranĝado de la kaptitejoj, ĉu pri la traktado de la militkaptitoj. Sed ni lastatempe aŭdis pri principo, kies apliko tendencas ĉiutage pligraviĝi kaj kontraŭ kiu ni tre energie protestas, nome la *revenĝoj kontraŭ militkaptitoj*.

Kiam militanta regno havas motivojn kredi, ke ĝiaj militistoj ne estas dece traktataj aŭ ke unu el ili suferis

kondamnon ŝajne nemerititan, ĝi ne provas alvoki je la humanecaj sentoj de sia kontraŭulo. Ĝi ne turnas sin al la neŭtralaj regnoj por peti, ke ili atentigu la malamikon je humaneco kaj justeco. Ĝi kontraŭe uzos revenĝon kaj eĉ preterpasos la mezuron de siaj plendmotivoj. Ĝi volos, ke la severeco de la revenĝoj cedigu la kontraŭulon; kaj se tiu ĉi respondas per novaj severaĵoj, ili instigos ankoraŭ pli akrajn decidojn. Kaj okazos tio, kion ni vidas hodiaŭ, nome, ke la revenĝoj kontraŭ la militkaptitoj fariĝas barbara aŭkcio, kies kaŭzo estas la venĝemo kaj kies prezo estas pagata per senkulpaj malfeliĉuloj ĝis tiam, kiam ilia suferplendo mildigos la aŭtoritatojn de ilia lando kaj devigos ilin rezigni je la revenĝaj decidoj alprenitaj kontraŭ kaptitoj en ilia povo. Tiuj revenĝoj estas tiom pli maljustaj kaj kruelaj, ke ili ofte devenas el neĝustaj informoj.

La Internacia Komitato de la Ruĝa Kruco ne povas resti indiferenta antaŭ tia vidaĵo, antaŭ tiu neo de la principo, en kies nomo ekzistas la Ruĝa Kruco. La milito estas per si mem jam sufiĉe terura malfeliĉo, por ke oni ne pligrandigu ĝiajn suferojn per nehumanaj decidoj kaj senutilaj severaĵoj. Kiam la milito estos finita, se la nacioj esperas atingi daŭran pacon, ĉu ne multe pli malfacila estos la realproksimiĝo, kiam la malamo estos ekscitita en la koroj ne tiel per la malkaŝa kaj lojala batalado, kiel per tiuj antaŭkalkulitaj suferoj truditaj al senhelpaj malfeliĉuloj?

Tial, fidelaj al la devo, kiun ordonas nia partopreno en la Internacia Komitato de la Ruĝa Kruco, ni petegas la militantajn regnojn, ke ili rezignu je la revenĝoj kontraŭ kaptitoj kaj forrompu de tiu principo. Ne plu penu premi je viaj malamikoj per severaĵoj, kiujn vi faras al tiuj el iliaj anoj, kiuj estas sub via povo. Ĉu tio ne estas reiro al la procedoj de la barbaraj tempoj, ne inda de la nacioj, kiuj al la Ruĝa Kruco donis la lokon, kiun ĝi okupas en iliaj armeoj?

Vi ŝatinde prizorgas la vunditojn, kiaj ajn estas la flago, sub kiu ili batalis; en tiu rilato, el ĉiuj flankoj, la atestoj estas unuanimaj: kial la militkaptitoj estus tute malsame traktataj? Vi plendas, ke tiuj aŭ aliaj el viaj samlandanoj maljuste suferas en sia kaptiteco, kial vi ne alvokas je la justeca sento de la kontraŭulo? Kial ne proponi al ĝi, se ĝi allasas vian peton, doni similan favoron al ĝiaj samlandanoj? Kaj se vi ne facile povas ektrakti kun ĝi, kial ne komuniki pere de neŭtrala regno. Tio estas, ŝajnas al ni, la konkurado, kiu devus anstataŭi la hodiaŭajn revenĝojn, konkurado de justeco kaj humaneco, kiu postelasus dankrememorojn kaj helpus malakrigi la malamojn, kiuj estas granda baro je la paciĝo.

Ni ne ŝanceliĝas proponi al la militantoj tiun konduton rilate al la kaptitoj. Realigante por ili la devizon de la Ruĝa Kruco *Inter arma caritas,* la nacioj farus la militon malpli nehumana kaj progresigus la civilizacion.

---

## La indiĝenaj rasoj de Sud-Afriko

Ĉe la ekstrem-sudo de Afriko, ekstere sed sub la dependeco de la Unio, ekzistas vasta indiĝena loĝantaro, kiun oni proksimume taksas je ses milionoj. Ili fiere donis al si la nomon *Bantu* (popolo), sammaniere kiel la unuaj Arianoj sin alnomis. Tiuj, kiuj ne apartenas al la popolo Bantu, estas malŝate nomataj, ĉu laŭ sia koloro, ĉu laŭ ia alia videbla fizika apartaĵo. Kiam antaŭ tri aŭ kvar jarcentoj, en sia silenta, sed certa migrado de nordo al sudo, la Bantu renkontis la Bushmen nun malaperintajn kaj la Hotentotojn, ankaŭ en dekadenco, ili malestime nomis ilin *Amaawu* kaj *Abafwa* pro ilia malgrandega staturo; la blankulon ili nomis *Umlungu* laŭ lia haŭtkoloro.

La *Bantuoj* nature diviĝas en du grandaj familioj proksimume egalnombraj: la Abesutho kaj la Abantu. La prefiksoj *Abe* kaj *Aba* en ambaŭ nomoj montras la multenombron nominativan; la radiko estas *tho* kaj *ntu*. Ilin apartigas la lingvoj, kiuj diferencas unu de la alia, tiel kiel la germana kaj la holanda. La du triboj ŝajnas esti sekvintaj en sia migrado paralelajn liniojn: la Bantuoj irantaj laŭ la orienta marbordo, dum la Besutho'j restis sur la centra ebenaĵo; la lingvo de tiuj lastaj estis forte influita de la negraj rasoj, kiujn ili renkontis aŭ asimilis dumvoje.

La Bantuoj estis fortika, sana popolo, sin okupanta je ĉasado kaj ĉerpanta sian nutraĵon de la bestoj, kiujn ĝi malsovaĝigis. Ili ŝajnas esti kreintaj politikajn organizaĵojn kaj sistemon de leĝoj, kiujn la observantoj opinias iafoje superaj je tiuj de la eŭropaj civilizacioj, malgraŭ la malnoveco de ĉi tiuj. La fakto, ke iliaj leĝoj kaj leĝaj kutimoj subtenis ilin tra la longa afrika nokto, ke ili ne konis la malsanojn devenantajn el malbonigita sango kaj aliajn malbonojn tiel oftajn en la civilizitaj societoj, favore atestas pri ilia moralo kaj vivmaniero. Laŭ ĝenerala konstato, ili havis en sia primitiva stato altan moralecon, tiel altan, ke la krimoj devenantaj el persona perforto inter la seksoj estis fariĝintaj sufiĉe maloftaj por esti mortpunataj. Ke ili estis plene alkutimigitaj je la leĝo kaj je la publika ordo, pruvas ilia konataj obeemo kaj respekto je la leĝo; ankoraŭ nuntempe, rapida submetiĝo je la aŭtoritato fariĝas sen la helpo de la loka polico; la ordono de l' ĉefo sufiĉas.

Ili havis sobrajn kutimojn; ekzistis la indiĝena biero, malmulte alkoholigita, sed uzis ĝin nur la maturaĝuloj. Al la junuloj kaj virinoj ĝi estis tute malpermesita. Jen estas fakto, kiu montras la staton de ilia leĝaro; oni scias, ke pri tiu punkto la civilizitaj leĝaroj ne ankoraŭ sukcesis.

Rilate al religio, ili havis profundan respektegon al iu granda Nekonatulo, ĉieestanta, ĉiopova, kaj ili kredis, ke la spiritoj de iliaj mortintaj prapatroj propetis por ili en ĉiuj cirkonstancoj de la vivo. Ili do starigis nenian templon. Ili ne adoris la spiritojn de siaj prapatroj, kiel oni kutime kredas. En iliaj moroj oni retrovas multe da karakterizaĵoj similaj al tiuj, kiujn priskribas la libro de l' Pentateŭko.

Pro siaj migremaj moroj ili ne starigis urbojn; ili ne posedis la skribarton. Iom da terkulturado sufiĉis je iliaj bezonoj.

Tia estis la kondiĉo de tiu popolo, kiam alvenis la blanka homo kun sia civilizacio. Je tiu epoko la eŭropaj aŭtoritatoj ne fervore celis, kiel nun, la plibonigon de la kondiĉoj de l' popoloj vivantaj sub sia estreco. Ili precipe celis eltiri kiel eble plej multe da impostoj, kaj pri la cetero lasis fari. Krom je esceptaj okazoj, la kolonianoj tamen kutime ne estis kruelaj kontraŭ la indiĝenoj.

Ĝis nuntempe tamen, estas timinde, ke la plimulto de la Sud-Afrikaj Eŭropanoj interesiĝas je la indiĝeno nur por ekspluati lian laboron je sia propra profito; la Eŭropano malprave timas en li konkuronton aŭ venkonton. Tiel kreiĝis la tendenco, forigi la Bantuon, sub preteksto de persona protekto, kvankam por tiu, kiu senantaŭjuĝe pripensas, estas klare, ke Sud-Afriko sufiĉas, por enhavi duoble la loĝantaron de Granda Britujo sen ĝeno por iu raso aŭ individuo. Oni estas inklina juĝi la aferojn laŭ persona vidpunkto. Ju pli malgranda estas la vilaĝo aŭ la urbeto, des pli fortaj estas la antaŭjuĝoj kaj antagonismo kontraŭ la indiĝena raso; kaj ju pli granda estas la urbo, des pli liberala kaj tolerema estas la atmosfero. La rezultato de tiu politiko, kiu konsistas en tio, ke oni rigardas la indiĝenojn simple kiel dombestojn, estis priskribita de S-ro Merriman, unu el la plej inteligentaj ŝtatistoj ĉe la Unio Parlamento, kie li deklaris:

„La Parlamento ne antaŭvidis la situacion: en la minoj estis 200,000 homoj, plej parte barbaraj, venigitaj el ĉiuj partoj de Sud-Afriko, rompintaj la kutimojn de sia tribo, kaj kontaktiĝintaj kun blankuloj de la malplej dezirinda speco. Ili alprenis la malvirtojn de la blankuloj kaj ilin importis en siajn vilaĝojn. La respondeco devenas el la supera raso; ĝi devas grave priokupi la registarojn. Ili rememoru, ke Johannesburg estis por la indiĝenoj la Universitato de l' krimo."

Oni tamen ĝenerale konfesas, ke la registaro faris la eblon por ripari la situacion, sed ĝis nun nenia politika organizo por la plibonigo de la kondiĉo de la indiĝenoj en la minoj estis elprovita; kaj la administracio nenion provis por plibonigi la kondiĉon de l' Bantuo je la eduka vidpunkto, nenion faris, por ke li estu feliĉa kaj kontenta.

La balotrajto estas konsentita al la indiĝenoj — en limigita formo — nur en la provinco Kaplando; en la aliaj tri provincoj de la Unio, ili ne havas voĉdonrajton.

La kristanaj misioj estis ĝis nun la solaj filantropiaj agantoj je la indiĝena vivo. Ili enloĝiĝis inter ili de unu jarcento kaj apenaŭ atingis la popolamason. El ses milionoj da homoj oni sen timo pri eraro povas diri, ke nur duonmiliono estis influita de ili. La misiistoj mem nun ekkonstatas, ke propagandante sian kredon, ili ne ĉiam estis tiel sagacaj kiel bonintencaj.

Alveninte kun la antaŭjuĝo, ke ili estas senditaj al barbara societo, ili tuj ekatakis kaj renversis ĉiujn ekzistantajn organizajojn por starigi la Kristanismon sur iliaj ruinoj. Ŝajnas, ke ili tute ne uzis tempon por studi kaj klasigi la leĝojn kaj kutimojn de la popolojn, por alpreni la bonajn kaj forĵeti la malbonajn. La fundamenta principo de ĉia instruado, nome iri de la konato al la nekonato, estis facilanime forlasata. La rezultato estis pli-malpli la malorganizo de la popolo Bantu, kaj ĝia reorganizo nun postulas seriozajn kaj fervorajn homojn, eĉ en la laborkampo misiista. Jen pri la atingitaj rezultatoj, la konkludo de misiisto Rev. W. J. Stead, de la misio Grahamstown, post kelkjara sperto:

„Estas tre bedaŭrinde, ke la certaj, kvankam malrapidaj, progresoj de la indiĝenaj rasoj, ne povis esti plenumataj per la disvolvo de iliaj propraj moralaj ideoj, konservante la malnovan klanorganizon sub la estreco de ĉefo, kaj helpante ilin alproprigi, post sagaca elekto, tion, kio en la eŭropa civilizacio taŭgis por ili; anstataŭ tio, ni devigis ilin per la premiga forto de niaj al ili fremdaj leĝoj je trorapida imitado de stato, kiu al ni ŝajnas bona, sed kiu ĉe ili ekscitas la antagonismon kaj la malamon kontraŭ la blanka raso; ni elvokis la imitemon anstataŭ la konfidemon.

„Kiam mi vojaĝis en tiuj regionoj, je kelkaj centoj da mejloj de la landlimo de Natal, mi povis konstati, ke la influo de la blankuloj fariĝas pli kaj pli sentebla kaj elmontriĝas per diversaj manieroj, tiel je la virinoj kiel je la viroj. La viroj estas pli kapablaj kaj pli ruzaj, ĉar pli instruitaj; ilia inteligento plilarĝiĝis je la kontakto de la sperta nacio, kiu hodiaŭ superregas. Entute, la malaltiĝo de la popolo ne progresis; oni ja renkontas en ĝi kelkajn senmoralajn individuojn, sed kiel popolo estas nenia signo pri fizika degenero. La *Batva* malaperis. La Hotentota gento ankaŭ estas malaperanta en multegaj raskunmiksoj. Sed la bruna raso *Aba Nutsundu* havas fortikan bonrasan karakteron; ili nenion perdis je la fizika vidpunkto, nek nombre malpligrandiĝis. La blanka homo ne povos ilin elpeli de la Sud-Afrika tero. Ili tie restados. Aŭ ni ĉiam havos ilin kun ni, aŭ ili havos nin."

La demando, kion oni povas fari por eduki la Bantuon, estas tre grava por ĉies intereso en Sud-Afriko, ĉar la rasoj agas kaj reagas unuj je la aliaj. La espero, ŝajnas, kuŝas en la edukado. Ekzistas ja iu maniero de edukado, kiu montriĝas per statistikoj, sed estas timinde, ke ĝi grandparte apartenas al tiu speco, kiu malĝojiĝe elmontras la danĝerojn de nesufiĉa edukado. La solvo de la problemo estas la instruado de la popolamaso en ĝia patra lingvo, kaj la formado de elito, kiu gvidos kaj plialtigos la amason. D-ro Steward, el Lovedale, kutimis diri: „La lumo venos de supre"; li per tio volis diri, ke la popolamasoj devas esti helpataj per samrasaj lumigantoj, kaj ke la tuja devo estis, prepari tiun necesan aron. La efikon de tiu metodo pruvas tiuj kelkaj indiĝenoj, kiuj ĉi tie kaj tie, triumfinte je la malhelpoj de sia medio, sin altigis super siaj samrasanoj per sia eduko. Tiuj ĉi havas favoran influon ne sole je la aliaj indiĝenoj, sed ankaŭ je siaj eŭropaj najbaroj. Ili ankaŭ nedubeble pruvis, ke se, kiel projektite, estus fondita indiĝena kolegio kapabla prepari unu aŭ du centojn de kleraj edukantoj el indiĝena raso, la ŝajne nesolvebla problemo malaperas. Pri tio negra verkisto jene skribis:

„Ni devas agi mem. Ni individue kaj kolektive zorgu per nia tuta povo, ke estu proponataj al nia popolo ĉiuj eblaj okazoj de persona disvolvo ... Ni bezonas multajn bone preparitajn edukantojn apartenantajn al nia raso; kaj oni povus ilin iom post iom havigi al ni, se ni posedus monfondajon, per kiu la indaj junuloj povus ricevi la helpon por prepariĝi en bona kolegio."

Oni sentas la akran bezonon de adekvata organizo por la preparado de indiĝenaj instruistoj kapablaj por la duagrada kaj supera instruado. Oni trovis malbona la sistemo, laŭ kiu instruisto prepariĝas en Anglujo aŭ en Ameriko.

La malnova triborganizo malaperas, kun ĝi foriras la bonfaraj restrikcioj de la tribaj leĝoj, kutimoj kaj moralo. La rezultatoj estas tute malbonaj: multaj indiĝenoj senmoraliĝis kaj perdiĝis, kaj en la blanka societo ili ne fariĝas malpli malbonaj. Venis do la momento, kiam vere instruitaj kaj kleraj indiĝenoj povus multe helpi al la popolo per sia gvidado. Tiuj indiĝenoj edukus la popolon, tiamaniere, ke ĝi adaptiĝu al la kondiĉoj de la civilizita vivo, kaj instruus ĝin pri la modernaj metodoj de agrikulturo kaj industrio.

*J. Tengo Jabavu* (Kingwilliam Town).

## Impresoj pri Konstantinoplo

II

Galata sidas sur monteto, kiu formas promontoron inter Bosforo kaj Ora Korno, kie jam estis la granda tombejo de la antikvaj Bizancianoj; ĝi estas la vera centro de Konstantinoplo, preskaŭ ĉiuj vojoj estas malrektaj kaj mallarĝaj, flankumitaj de kukvendejoj, barbiraj butikoj, viandvendejoj, grekaj aŭ armenaj kafejoj, komercaj oficejoj k. c.; tie iras kaj reiras tra la vojoj ĉiuflanke senĉese popolamaso, preskaŭ la tuta komerco de Konstantinoplo pasas tra ĉi tiu vilaĝeto; oni vidas ĉi tie borson, doganejon, oficejojn de aŭstria navigacio Lloyd, tiujn de la francaj „messageries", plie preĝejojn, monaĥejojn, hospitalojn, magazenojn k. t. p.; subtera fervojo unuigas Galata al Pera. Ne vidante sur la stratoj turbanojn nek fezojn ŝajnas, ke oni ne estas en Orientlando; ĉiuflanke oni aŭdas la francan aŭ italan lingvon.

La antikva Galata estas preskaŭ tuta malaperinta; miloj da domoj kaj dometoj estis disfalintaj ĝis tero, por cedi lokon al du longegaj stratoj: la unua supreniras la monteton ĝis Pera, la alia paralele al la bordo de la haveno, de unu ĝis la alia ekstremajo de Galata. La turo de Galata finiĝas per konusa pinto, formita de kupra tegmento, sub kiu troviĝas speco de kovrita teraso kun larĝaj diafanaj vitrofenestroj, kie tage kaj nokte ĉirkaŭrigardas gardisto por signi la unuan suspekton de brulado aperanta en la vastega urbo.

Jus preterpasinte mi troviĝis en turka tombejo: tiu, kiun oni nomas Galata tombejo; tie oni vidas grandan cipresan arbaron, ombrumantan miriadon de kolonetoj el marmoro aŭ ŝtono, klinitaj laŭ ĉiuj direktoj kaj disjetitaj malorde sube laŭ la deklivo; iuj el tiu ĉi kolonetoj finiĝas per ronda turbanformo; aliaj per pinto; multaj el ili estas renversitaj. La plimulto de la fosoj havas prismaforman plialtigon kun du ŝtonoj, kiuj limigas ekstremajon, sur kiu laŭ mahometana superstiĉo devos sidiĝi la du anĝeloj Nekir kaj Munkir por juĝi la animon de la mortinto. Elirinte el la tombejo oni direktiĝas al Pera urbo.

Pera estas alta ĉirkaŭ cent metrojn super la nivelo de la maro; ĝi estas gaja kaj aera: estas la ĉefa eŭropa kolonio, urbo de la amuzoj kaj de la eleganteco; la strato, kiun mi trairas estas flankumita de anglaj kaj francaj hoteloj aŭ gastejoj, sinjoraj kafejoj, briletantaj butikoj, teatroj, klubejoj, konsulejoj kaj ambasadoraj palacoj, inter kiuj elstariĝas la rusa ambasadorejo tute el blanka ŝtono stariĝanta kiel fortikajo inter Pera, Galata kaj la ĉirkaŭurbo Funduklu.

Ĉi tiu popolamaso aspektas tute malsama ol tiu de Galata; estas preskaŭ ĉiuj buŝelaj ĉapeloj, plumigitaj aŭ enflorigitaj de sinjorinoj; tie estas grekaj, italaj kaj francaj dandoj, altrangaj komercistoj, oficistoj de la ambasadorejoj, oficiroj el alilandaj ŝipoj, ambasadoraj veturiloj, kaj fine... dusencaj elegantulinoj el ĉiu nacieco. La turkoj haltas por admiri la vaksajn kapojn en la barbiraj butikoj, dum la turkinoj restadas kun malfermita buŝo por admiri la modistinajn montrofenestrojn.

La mahometanoj sentas sin kvazaŭ en fremda domo, kaj ŝajnas, ke ili troviĝas aliloke; pro tio ili preterpasas kun malpli alta kapo ol en Stambulo, ĉar la Eŭropano laŭte parolas, ŝercas, ridegas meze de la strato.

Irante antaŭen tra la granda strato de Pera oni preterpasas antaŭ kazerno, kiu troviĝas en la Dgiedessj strato, la plilongigo de Pera, poste vastiĝas tre granda armilplaco, ankoraŭ poste estas aliaj ĉirkaŭurboj. Tie, kie en la laboremaj tagoj regas ordinare profunda silento, dimanĉe vespere trairas amaso da personoj kaj veturiloj el la eleganta societo de Pera, irantaj en la ĝardenojn, bierejojn, aŭ en kafejojn trans la kazerno, al la granda mahometana antaŭurbo Funduklu, de kie oni ĝuas nekompareblan vidon super la tuta urbo. La suno subiranta sendas siajn lastajn radiojn tra la truoj de la ruĝkoloraj nuboj, sur la belega panoramo de Bosforo plena je velŝipoj kaj vaporŝipoj, ĝis la Azia bordo kun ĝiaj blankaj moskeoj kaj minaretoj.

Pli antaŭe oni renkontas grandan mortintejon, kie estas entombigitaj homoj je ĉiuj kultoj; ĝi estas densa arbaro de cipresoj, akacioj kaj sikomoroj, en kiu blankiĝas miloj da tombaj ŝtonoj. Inter larĝaj aleoj grekoj kaj armenoj promenadas; apud iuj ŝtonoj sidas turkoj kun kruciĝintaj kruroj, rigardante Bosforon; tie estas malvarmeta ombro kaj paco. Apenaŭ enirinte oni ricevas agrablegan senton, same kiel somere en iu granda duonmalluma katedralo.

Ĉiuj tombaj ŝtonoj estas grandaj, glataj, kun surskriboj per elegantaj armenaj literoj, preskaŭ sur ĉiu estas skulptita figuro montranta la metion de la mortinto, ekzemple marteloj, segiloj, plumoj, juvelujoj, ĉirkaŭkoloj; bankiero estas prezentata per pesilo, pastro per mitro, barbiro per lavvazo, kuracisto per lanceto; sur iu ŝtono mi vidis kapon distranĉitan de la busto el kiu sango defluis: eble estis tombo de iu ekzekutito aŭ insidmortigito.

Enirinte en la mahometanan tombejon mi vidis du mahometanojn kun infano, kiuj matenmanĝas sidante apud tombo; ne malproksime de ili mi restadis por observi ilin. Kiam ili finis sian manĝon, mi vidis la pli maljunan envolvi per papero fiŝon kaj panon. Respekte li enmetis en la truon ĉe la tombo tiun malgrandan pakon, poste ĉiu el ili trankvile ekbruligis pipon kaj fumadis, dum la infano leviĝis kaj ekkuris gaje tra la tombejo. Oni klarigis al mi, ke tiu pano kaj fiŝo estas la porcio dividita kun parenco, kiel signo de amo. Tiu truo estas la malfermaĵo de la tombo, kiun oni lasas ĉe la kapo de ĉiuj mahometanoj entombigitaj, por ke ili povu aŭdi la plorojn kaj la plendojn de siaj karuloj, kaj ankaŭ ricevi iun rozan akvoguton aŭ ian floran parfumon. Je la fino de sia funebra fumadeto la du kompatemaj turkoj stariĝis preninte infanon je la manoj, disirante inter la cipresoj.

Trovinte min en Konstantinoplo dum la monato Ramazan, t. e. la naŭa monato de la turka jaro, en kiu okazas la mahometana granda fasto, mi vidis ĉiuvespere komikan priskribindan scenon. Dum la tuta fasto estas malpermesate al la turkoj manĝi, trinki kaj fumi, t. e. de la leviĝo de la suno ĝis la subiro; poste, la tutan nokton, preskaŭ ĉiuj diboĉas, sed dum la suno restadas videbla, ĉiuj respektas la religian ordonon, neniu kuraĝas publike peki. Por tion bone ĝui estas necese iri sur la ponto Sultana Valide minuton antaŭ ol la suno malaperas. Inter tiuj kiuj, haltas aŭ remas, inter proksimaj aŭ malproksimaj oni vidas kelkajn milojn de homoj fastantaj de la tagiĝo: jam pretaj kun la vespermanĝeto en la barketo, ili senĉese turnas la okulojn al la suno kaj al la vespermanĝo. Fine la pafilego tondras! Tio estas la signalo anoncanta, ke la suno malaperas; tiam en la sama momento miloj kaj miloj da dentoj komencas forpreni el mil panoj grandegajn pecojn; en ĉiuj domoj, en ĉiuj kafejoj, en ĉiuj trinkejoj okazas la sama operacio: ĉiuj manĝegas kaj trinkas.

Vidinte jam preskaŭ tutan Konstantinoplon, estas necese viziti ankaŭ la grandan bazaron, kiu etendiĝas inter la monteto Muri-Osmanié kaj la alia nomita Seraskiere. Tiel irante el la placo de la moskeo Sultana Validé, ni tra mallarĝa kaj malluma vojeto alvenas al la fiŝvendejo nomita Balik-bazaro. Vere la fiŝkaptado estas ankoraŭ tie tre sufiĉa; la vendistoj estas preskaŭ ĉiuj turkoj, ili estas ĉirkaŭe en la placo ordigitaj kun amasigitaj fiŝoj sur matoj tere kuŝantaj; tie oni vidas bongustajn Bosforajn triliojn kvaroble pli grandajn ol tiuj de niaj maroj, la palamidojn kaj tonfiŝojn, kiuj estas salitaj ekskluzive de la hebreoj, la sardelojn, kiujn provizas la Arĥipelago, la skombrojn el la Nigra maro, kiuj amasiĝas en la haveno de la urbo, plie tre grandajn Romboj-fiŝojn, kiujn la turkoj nomas Kalkan-Balik, kaj aliajn milojn da fiŝetoj, kiuj naĝas inter la du maroj, persekutite de la delfinoj kaj pelite de nekalkuleblaj alcionoj kaj mevoj. Je la tagmezo jam estas transloĝigita la enhavo de la placo, kaj la vendistoj sidas ja en la najbaraj kafejoj, kie ili fumas trankvile per nargileoj kaj trinkas la kafon. Vere, mi estis forgesonta diri ion pri la kafo: en Konstantinoplo oni povas trinki ĝin en ĉiuj ajn lokoj, ekzemple ĉe la supro de la turoj Galata aŭ Seraskiere; nigran kafon oni trinkas en ĉiuj vaporŝipetoj, en la tombejoj, en la banejoj, en la barbiraj butikoj, en la bazaroj, en ĉiu flanko de Konstinoplo, kie oni troviĝas; sufiĉas ekkrii „kafeĝi" (t. e. kafejestro): post kelkaj minutoj antaŭ vi elvaporiĝas taso.

Por iri al la granda bazaro estas necese enpenetri tra mallarĝa vojo, antaŭenirante inter du vicoj de malaltaj kaj mallumaj butikoj, en kiu oni vendas tabakon „kiu estas la kvara kolono de la volupta tendo: post la kafo, opio, kaj la vino, la kvara sofo de la ĝuoj".

Irante antaŭen oni pasas tra malnova arka pordo engirlandita per vinberfolioj; tie kontraŭ stariĝas vasta konstruaĵo el ŝtono; oni trairas tre longan kovritan straton flankumitan de butikoj kaj okupitan de popolamaso; la bruo kaj konfuzo estas nekredebla. Tiu vastega bazaro estas ordigita kiel kazerno; sufiĉas malmulte da horoj por ke oni sukcesu trovi kian ajn objekton sen helpo de gvidisto. Ĉiu

speco de komercaĵo estas en sia malgranda kvartalo, vojeto aŭ koridoro kaj placeto; ekzistas malgrandaj bazaroj kunigitaj unu kun la alia same kiel tre vasta ĉambraro, kaj ĉiu bazaro apartigita ŝajnas samtempe muzeo, promenejo, vendejo aŭ teatro, en kiu oni povas observi ĉion aĉetante nenion, trinki kafon, ĝui malvarmeton, babili deklingve kaj okulumi la orientajn belulinojn.

Okaze oni povas observi iun ajn bazaron kaj pasigi duonon da tago ne sciante ĝin. Ili estas nomataj: „Egipta bazaro", „ŝtofaj aŭ vestaj", „pipaj", „parfumaj", „juvelaj", „tapiŝaj", poste tiu de ŝpinistoj, tiu de brodaĝistoj, de teleraro, de tajloroj k. t. p., ĉiuj diversaj je formo kaj lumo, sed ĉiuj egalaj en tio ĉi: oni vidas nek vendi nek labori iun virinon, ekstremokaze iun grekinon momente sidantan antaŭ tajlorejo, kiu timeme alprezentas jus ellaboritan silktukon, ĉar orienta ĵaluzo malpermesas al la bela sekso la butikon.

En neniu eŭropa urbo moviĝas tiel vive la fantazio pri la lokoj kaj historiaj aŭ legendaj monumentoj kiel en Konstantinoplo, ĉar en neniu alia urbo ili memorigas okazintaĵojn tiel jusajn kaj samtempe tiel fantaziajn. Aliloke por trovi la poezion de la memoroj estas necese pense reiri antaŭ kelkaj jarcentoj; ĉi tie okazas la malo: reveni antaŭ malmultaj jaroj! Apenaŭ pasis malmulte da jaroj de kiam sur la bordo de la imperiestraj ĝardenoj, la Marmara maro elĵetis la dudek sakojn enhavantajn la belulinojn de Mustafá, kaj en la kastelo de la sep turoj estis buĉita la familio Brankovano, ankaŭ inter la muroj de l' antikva haremo ĉesis tia vivado, tiel strange kunplektita de frenezecaj amindumoj kaj teruroj.

Trairante Stambulon kun tiuj ĉi pensoj oni miras vidante ĝin tiel trankvila, tiel ridetanta per kreskaĵaro kaj per koloroj; sur Bosforo apud la Leandra turo forsaltas akvoj kiel ama monumento, kaj tamen sub la muroj de la ĝardenoj de l' haremo oni vidas ankoraŭ klinitan teretaĵon sur kiu oni ruligis en la maron la malfidelajn odaliskojn. Tiamaniere ĉiu pordo aŭ turo, ĉiu moskeo aŭ placo, rememorigas iun mirindaĵon, misteron, buĉadon kaj amon, bravecon de paŝao aŭ kapricon de sultanino. Ĉio havas sian legendon, kaj preskaŭ ĉiuj najbaraj objektoj, la vidaĵoj malproksimaj, eĉ la aero kaj la silento kunhelpas forporti la fremdulon el la nuna jarcento kaj neatendite tremigi lin je la stranga ideo de la devo reveni al la propra patrujo!

*Giov. Ragusin* (Trieste).

---

# ☆ NOTOJ ☆

.·. **Packonferencoj post la milito.** — La redakcio de „Nouvelles de Hollande", „Holländische Nachrichten", „Holland News", organo de la Konsilantaro Nederlanda kontraŭ la milito, sin turnis al kompetentaj personoj en en- kaj eksterlando, kun la sekvantaj demandoj:

1. Ĉu, laŭ via opinio, estas dezirinde kaj eble, ke la laboro de la Packonferencoj post la milito daŭru tiel, ke la Packonferencoj povu, kiel la Caro montris en sia manifesto de 24 aŭgusto 1898: „per internaciaj interparoloj serĉi la plej efikajn rimedojn por certigi al ĉiuj popoloj la benon de efektiva kaj daŭra paco kaj, antaŭ ĉio, fini la ĉiam kreskantan pligrandiĝon de la nuntempaj armadoj"?

2. Ĉu, laŭ via opinio, estas dezirinde kaj eble, ke, post la pactraktadoj je la fino de l' milito, okazu Mondkonferenco, al kiu ankaŭ la neŭtralaj ŝtatoj partoprenos, tria Packonferenco, kie oni interkonsentos pri kreado de internaciaj institucioj, celantaj eviti pluajn militojn (periodaj packonferencoj, internacia tribunalo, internacia konsilantaro mediacia) kaj pri la konkludo de internaciaj traktatoj celantaj forigi kelkajn kaŭzojn de la nuna milito (traktatoj rilate la komerclibereco en la kolonioj, limigo de armadoj, libereco pri la maro, forigo de sekretaj traktatoj)?

3. Ĉu, laŭ via opinio, estas dezirinde kaj eble, ke super tio, okaze de tiu tria Packonferenco, estu konkludata traktato celanta certigi pli bone la subtenon de l' internacia juro, ekzemple per komunaj militaj kaj ekonomiaj rimedoj kontraŭ la Ŝtato, kiu rompus la juron kaj la pacon?

Kvankam ne ankoraŭ ĉiuj personoj respondis, la redakcio aperigis la 18 majo, kiel memoraĵon al la unua Packonferenco, libreton kun 89, plejparte jesaj respondoj. Tiu libreto estas nur provizora eldono, kaj oni lasis la respondojn sentradukaj. Kiam ĉiuj respondoj estos ricevitaj, aperos angla kaj germana eldonoj. El la provizora eldono ni citas tri respondojn de personoj bone konataj en Esperantujo.

D-ro A. Forel, Yvorne, eksprofesoro ĉe la universitato en Zürich, respondis: 1. Jes. 2. Certe. 3. Sendube.

D-ro Alfred H. Fried, eldonanto de „Die Friedenswarte", Zürich, respondis: 1. Nature. 2. Nepre necesa. Ĉu tiu universala konferenco eble samtempe okazos kun la Tria Haga Konferenco estas disputebla. 3. Tio dependas de la esenco kaj la certeco je la internacia juro, kiu nepre antaŭe devus esti kreata.

D-ro Alexander Giesswein, prelato de l' Papo, membro de la Hungara Parlamento, respondis: 1. Estas ne nur dezirinde kaj eble, ke la Haga Laboro daŭru, sed afero de l' neceso, la deziro de l' tago. Kiel en Usono post la milito, Nordo kaj Sudo sin reciproke retrovis, tiel, post la nuna mondbatalo, la civilizita mondo devas ree harmoniiĝi, kompreniĝi kaj pli firme unuiĝi. 2. La estonto kaj la ekzistado de nia eŭropa civilizeco estas difinata de la kreado de internaciaj organoj por evitado de tiaj mondkonfliktoj. La internacia juro devas iĝi la plej alta potenco. Kiu ĝis nun ne sciis tion, tiu devas konkludi el la nuna mondmilito. 3. La superŝtata juro vere bezonas super- kaj eksterŝtatan efektivigan forton. Tio estas la direkto de nia nuntempa disvolviga stato — kaj tio progresos je ĉiuj ĉirkonstancoj. — *C. Chr. D.*

.·. **Praktika Neŭtraleco.** — En la jara raporto de la Svisa Poŝtestraro oni legas, ke de aŭgusto 1914 ĝis 31 decembro 1915 ĝi prizorgis senpage pli ol 97,000,000 da sendaĵoj por fremdlandaj militistoj, kaptitoj, k. t. p. La valoro de la taksoj estus 10,628,144 frankoj, do iomete pli ol 10 cent. po sendaĵo. Tiu donaco de dek milionoj da frankoj estas despli ŝatinda ol en Svisujo oni forte sentas la influon de la milito kaj enkondukis altan, specialan imposton por pagi la deficiton de la ŝtata administrado.

.·. **Korespondado kun okupitaj regionoj.** — Laŭ la lastaj statistikoj de la Frankfurta Ruĝa Kruco, speciala komitato por la militkaptitoj, ĝia fremda fako, kiu okupiĝis pri la transsendo de komunikaĵoj inter la francaj okupitaj teritorioj kaj Francujo, ricevis, de novembro 1915, pli ol 230,000 informpetojn kaj 105,000 respondojn, entute 335,000 informoj.

Krom tio, la fako por esploroj pri malaperintoj, starigita de la sama Ruĝa Kruco, prizorgis 51,474 informpetojn pri fremdaj malaperintoj kaj povis plene solvi 7010.

.·. **Korespondado kun Polujo, Serbujo kaj Montenegro.** — El komunikaĵo de la administracio de la svisaj poŝtoj ni eltiras la jenajn informojn:

Ordinaraj leteroj, simplaj poŝtkartoj kaj komercaj specimenoj povas esti interŝanĝataj inter Svisujo kaj la ĉefaj komunumoj de la militistaj gubernioj de Lublin (Polujo), Belgrad (Serbujo) kaj Cetinje (Montenegro). La rekomenditaj kaj ekspressendaĵoj, nek la respondkuponoj estas akceptataj. La afrankoj estas la samaj kiel por la interŝanĝo kun Aŭstrio-Hungario. La sendoj de aŭ por la militkaptitoj ĝenerale estas senafrankaj. La adreso devas ĉiam montri la gubernion, al kiu apartenas la loko. La preciza adreso kaj loĝejo

de la sendinto ĉiam devas esti notataj. La leteroj ambaŭflanke devas esti sendataj malfermite. La sendaĵoj enhavu nenian militan informon. La komunikaĵoj povas esti redaktataj en germana aŭ franca lingvo; por la gubernio de Lublin ankaŭ en pola lingvo, kaj por la gubernioj de Belgrad kaj Cetinje ankaŭ en serbo-kroata lingvo, sed nur en latinaj literoj. La uzo de alia skribo, cifera skribo, kriptografio, stenografio, stenotipio, ne estas permesata.

.·. **La militistaj legendoj.** — El tre modera artikolo de franca kapitano en „La Revue" ni eltiras la jenajn interesajn notojn pri militista psikologio:

„Por kelka tempo estis nediskutita dogmo, ke ĉe la batallinio la vivo pasis en la plej gaja kaj plaĉa maniero; hodiaŭ, la rakontoj, kiuj prezentis la tranĉeojn kiel lokojn de plezuro ne plu estas laŭmodaj. Oni fine ribeliĝis kontraŭ similaj mensogaj priskriboj... Ne estas necese vidi duondiojn tie, kie estas sole homoj; ne estas necese kredi, ke en la milito la soldato akiras nur bonajn ecojn kaj neniun malbonan. Kontraŭe, la difektoj estas multnombraj; unue inter ĉiuj plikresko de egoismo kaj indiferenteco. La spirito de ofero ĉiam ekzistas, ĉar — memvola aŭ trudita — ĝi estas necesa vivkondiĉo dum militempo; sed ĉiutage ĝi perdas parton de sia spontaneco, de sia forto, de sia nobleco, de sia sinforgesemo. Kun la paso de la monatoj, la milito ĉesis esti krizo por fariĝi kvazaŭ normala socia stato; kaj tiam, iom post iom, la individuoj reprenis parton de la perdita sendependeco, kaj kun ĝi la indiferenteco kaj la egoismo revenis...

„Oni volonte ripetas, ke la milito naskos amikecojn mirindajn je fideleco kaj konstanteco; certe, kelkaj povos formiĝi dum la milito, *sed ne pro ĝi.* La libera elekto, kiu estas la origino de ĉia amikeco, estas kvazaŭ neebla: la milito trudas al ĉiu soldato certajn kamaradojn, al kies karaktero li estas devigata adaptiĝi. Kaj se la difektoj de libere elektita amiko povas ŝajni ankaŭ agrablaj, tiuj de kamarado, kiun la cirkonstancoj trudas dum monatoj, rapide fariĝas netolereblaj. Aliparte, la sufero *malmoligas la korojn kaj mortigas la kompatemon:* la doloroj de ĉiu estas tiel multaj kaj tiel profundaj, ke neniu plu trovas larmojn, nek simpation por tiuj de la aliaj.

„Al la kreskanta priokupo je la individua bonstato, aldoniĝas ankaŭ en la plej bonaj animoj danĝera forlaso de la kutimoj: la neatenceblеco je la posedaĵo, la respekto al la virino tendencas malaperi. Pri tio oni ne miru: *la milito estas malbona lernejo de moralo;* kie miloj kaj milionoj da homoj estas mortigataj, kion valoras la vivo de unu homo? Kie ĉiuspecaj riĉaĵoj estas detruitaj, kiel oni povas nomi la posedaĵon sankta? Estas eĉ ne vere, ke la milito pliigas la agemon: la plimulto de la soldatoj estas malpli okupataj en la tranĉeoj ol ili estis en sia hejmo. La relativa ripozo estas por multaj la unika elemento de la nuna vivo...

„Kiam oni rekomendas ne diri, ke la tranĉeo estas oportuna, gaja loko, kie oni ĉiam ridas kaj kantas, tio ne estas por malĝojigi la legantojn; ili restu ĝojaj, se ili povas; sed al tiuj de la batallinio ili ŝparu la senkuraĝigan efikon de siaj stultaj rakontoj. Kiom da fojoj la oficiroj aŭdis kriojn de indigno kaj kolero ĉe siaj soldatoj legantaj tiajn neverŝajnajn rakontojn! En alia tempo kaj en alia loko, oni almenaŭ ŝatus la ironion... Krom tio, tiuj eraroj riskas akrigi inter militistoj kaj nemilitistoj la malkompreniĝon, kiun la diferenco de vivo jam igas neevitebla: ĉiuj revenantoj de l' batallinio havas la impreson eniri en novan mondon, kiun ili jam ne komprenas. (Al multaj batalantoj en permesa libertempo, kiuj troviĝis kun la hejmerestintoj kaj vidis ilin entuziasmaj por la milito, ŝajnis, ke ĉi tiuj fariĝis frenezaj aŭ idiotaj.)

„...Ne pro mallaŭdemo aŭ kritikemo, oni insistas pri la difektoj, kiujn la milito naskis ĉe la soldatoj, sed por faciligi al la nemilitistoj la gravan taskon, kiun ili devas prepari je la reveno de la batalintoj. Kiel ili povus plenumi ĝin, se al ĉi tiuj ili aljuĝas falsajn ideojn, falsajn tendencojn, falsajn aspirojn? se ili imagas ilin kun kvalitoj, kiujn ili ne havas? La praktikaj konsekvencoj de la eraroj povus esti tre gravaj!"

.·. **Zionismo kaj la estonteco de la Judoj.** — Por ĉiu interesanta sin pri internaciaj problemoj ĉi-tiu libro, verkita anglalingve, estas tre atentinda.[1] Ĝi konsistas el dek unu traktatoj de diversaj aŭtoroj. La ĉapitroj „Jarcento el la Juda Historio" kaj „Anti-semitismo" estas de serioza historia valoro kaj estas legindaj eĉ de tiuj, kiuj ne simpatias kun la ĝeneralaj celoj de la verko mem. En la unua ni ekscias, kiel la Judoj antaŭ la Franca Revolucio staris aparte en Eŭropo, formante kvazaŭ nacion inter la nacioj kaj havante propran komunuman vivon, organizon kaj leĝaron. Ĉe unu bato la Revolucio renversis ĉi tion, emancipante la Judojn en Francujo; kaj la efikoj de tiu ŝanĝo disfluis en aliajn landojn. La natura sekvo estis, ke la aparta organizo de la Judoj, escepte en orienta Eŭropo, malaperis, kaj Judaismo tendencis fariĝi nur religio sen la antaŭa ĉion-ampleksanta nacia spirito. La emancipitaj Judoj, penetrante en la vivon de la nacioj kaj sorbante nejudan kulturon, forlasis la amon al judaj institucioj kaj en multaj okazoj eĉ fariĝis nejudoj. Trovi kontraŭefikon al tiu tendenco estis la ĉefa motivo en la ideo de hejmen-reiro al Palestino, kiu ekprenis formon en Rusujo ĉirkaŭ 1881 kaj estis ĉefe iniciatita de la societoj *Chovevé Zion* (Zionamantoj), kun centro en Odessa. Poste sekvis la tutmonda movado Zionismo, kiu kreiĝis en Okcidenta Eŭropo pro la iniciato de Theodor Herzl, ĵurnalisto en Parizo. La jenaj eltiraĵoj el la libro montros la celojn de Zionismo:

„Zionismo celas krei por la juda popolo hejmon en Palestino, publike kaj leĝe sekurigitan." (Basel'a Programo, 1897.)

„Tiu ĉi juda centro ne postulos politikan submetiĝon de Judoj loĝantaj ekster siaj limoj... La influo de Palestino sur la Judaron ekster Palestino estos spirita."

„Ĝi estos unu el la servoj de Zionismo doni pli vastan kaj profundan signifon al naciismo, forigante el ĝi maltoleremon, malgrandanimecon, arogantecon kaj atakemecon."

Unu el la rimedoj al la kulturo de la nacia sento estas la reviviĝo de la hebrea lingvo. „Lingva unueco estos la ekstera simbolo de nacia reviviĝo." Ĉe la 8a Zionista kongreso, ni legas, oni deklaris la hebrean la oficiala lingvo de la kongreso. En la lasta kongreso (1913) la debato pri hebrea universitato okazis tute en tiu lingvo. Krom tio, la hebrea jam estas revivigita kiel popola lingvo en Palestino. Kiel ĉe la Esperantistoj, la revivigantoj de la hebrea okupas sin pri la kompilado de teknikaj terminaroj, k. t. p., sub la kontrolo de la *Val'ad ha Lashon* (kvazaŭ la Akademio Esperantista).

Al la leganto, kiu kredas, ke ĉi tiu movado estas pure teoria kaj ne praktika, ni konsilas legi la ĉapitron en ĉi tiu volumo titolitan „La Judoj kaj la Ekonomia Disvolvado de Palestino" (de S. Tolkowsky, agrikultura inĝeniero, Jaffa). Oni povas nur miri pri la firma progreso ĉe praktika laboro jam farita de Judaj kolonlistoj. Ni povas citi nur unu fakton pri la sukceso ĝisnuna. La eksterlanda komerco de Jaffa — kiu reprezentas 40 % de la tuta komerco de Palestino — valoris en 1904 £760,000; dum en 1912 ĝi jam atingis £2,080,000. La traktato montras, ke la fenomeno de reiro al Palestino estas graveda de promesoj pri la estonta ekonomia stato de Palestino.

Sed ni ne forgesu, ke la reirado de la judoj estas pro spirita motivo. Oni pretendas, ke la rolo de la nova Palestino, nun rekreata de l' amo kaj laboro de entuziasmaj kaj entreprenemaj judoj, estos servi kiel la interpretanto inter la Oriento kaj la Okcidento. „Jeruzalemo, kiu, laŭ malnova hebrea derivo, signifas la sojlon de l' paco, ŝajnas, kiel la centro de tri grandaj religioj, pli taŭga ol ĉiu alia urbo esti la kameno de internacia kompreno kaj bonvolo." — *J. P. Cameron,* London.

.·. **Amerikaj riĉeguloj.** — Dum en Eŭropo la grandaj privataj riĉaĵoj estas malaperontaj pro la milito kaj la el ĝi rezultontaj gravegaj impostpliigoj, ne estas same en Ameriko. La lasta es-

[1] *Zionism and the Jewish Future,* verkita de diversaj aŭtoroj, eldonis John Murray, Albemarle St., London, Sm. 1,25.

ploro de la taksoficejo en Washington liveras pri tio trafajn ciferojn. Ekzistas en Usono pli ol cent personoj posedantaj renton de almenaŭ *unu miliono da dolaroj*. Antaŭ kvindek jaroj, estis dudek personoj, kies *kapitalo* atingis tian sumon, kaj nun estas ĉirkaŭ cent, kies *rento* superas tiun ciferon.

Kompreneble la nomoj de la posedantoj de tiuj grandegaj riĉaĵoj ne estas publikigataj, sed ilin montras la publika famo. La plej riĉa homo en Usono (kaj kredeble en la tuta mondo) estas nedubeble John D. Rockfeller. La sumo de lia riĉaĵo ne estas certa; li mem iam deklaris, ke li ne povus ĝin kalkuli precize! Tamen, granda Nov-Jorka bankiero oficiale atestis, ke la kapitalo de Rockfeller atingas *unu miliardon da dolaroj* kaj liveras renton da *kvindek milionoj da dolaroj* jare (250 milionoj da frankoj).

Kiam la kompanio de Standard Oil (petroltrusto) dissolviĝis en 1906, oni eltrovis, ke Rockfeller posedis 247,690 akciojn, kiuj tiam rajtigis je dividendo de 40 %. Tio signifas, ke lia parto kiel akciulo de tiu sola societo reprezentis jaran renton de 10 milionoj da dolaroj. De tiam, S-ro Rockfeller donis parton de siaj petrol' akcioj al filantropiaj institucioj; se li estus konservinta ilin ĉiujn' li havus el tiu deveno jaran renton de tridek milionoj da dolaroj. Krom la petrolaj aferoj, li estas moninteresata en multaj aliaj entreprenoj.

La frato de John Rockfeller, William, havas siaflanke renton de pli ol 5 milionoj da frankoj, kaj tiu William havas filon, kiu estas ankoraŭ pli riĉa ol sia patro. Krom tio, ĉiuj Rockfeller'oj edziĝis kun tre riĉaj virinoj: John Rockfeller juna edziĝis kun la filino de l' senatano Aldrich, kiu lasis 25 milionojn. Filino de John Rockfeller edziniĝis kun McCorminck, el Ĉikago, kiu posedas la truston de la terkulturaj maŝinoj (International Harvester Co.), kaj filino de William Rockfeller edziniĝis kun S-ro H. Dodje, posedanto de la militarmila kompanio Remington, kiu dum la nuna milito gajnis dekojn da milionoj.

Kompare kun tiaj kolosaj riĉaĵoj, homoj kiel Carnegie ŝajnas preskaŭ malriĉaj. Tamen, en 1900, Carnegie vendis sian ŝtalfarejon al Steel Trust po du cent milionoj de dolaroj, pagataj en obligacioj Steel 5 %, kiu donas al li renton da dek milionoj da dolaroj. De tiam li donacis al filantropiaj institucioj pli ol 300 milionojn da dolaroj.

Ekzistas aliaj riĉeguloj: la familioj Morgan, Baker, Frick, Harriman, Fleger, Payne, Whitney, k. a. havas riĉaĵojn, kiuj estas kompareblaj je la buĝeto de malgranda eŭropa landó. Ni ne forgesu la novajn milionulojn, kiuj fariĝis tiaj pro la milito. Ekzemple, la societo New-Jersey Zinc Company ĵus donis al sola akciulo, A. Hechscher, kiel dividendon de la pasinta jaro la sumon da 1,063,062 dolaroj kaj al alia akciulo, Edgar Palmer, 994,092 dolarojn; dek-du aliaj akciuloj ricevis inter 200,000 kaj 60,000 dolaroj po ĉiu. Militvaloro!

Sed jen la alia flanko de la medalo: en Usono la 2 % la plej riĉa de la loĝantaro posedas 60 % de la nacia riĉaĵo, kaj 65 % malriĉa de la loĝantaro havas nur 5 % de la nacia riĉaĵo. La du plej riĉaj Usonanoj posedas pli ol kvin milionoj kune de siaj plej malriĉaj samlandanoj . . .

∴ **La plej granda teleskopo en la mondo.** — En Cleveland oni ĵus elfinis la plej grandan teleskopon en la mondo, destinitan por la observatorio en Victoria. Ĝi pezas 55,000 kilogramojn, kaj ĝia reflekta spegulo mezuras 1,80 m. Ĝi estas manovrata kun la helpo de elektraj motoroj.

Dum la Usonanoj konstruas gigantajn teleskopojn kaj ankoraŭ atentas pri pura scienco, la Eŭropanoj preferas dediĉi sian monon por kanonegoj!



 LITERATURO 

# Kiel mi fariĝis direktoro de agrikultura gazeto

de **Mark Twain**

Kiam mi fariĝis portempa direktoro de agrikultura gazeto, mi sentis antaŭtimon. Ankaŭ ne sen antaŭtimo estus terano, kiu devus direkti ŝipon. Mi estis en tia situacio, ke la demando pri salajro ĉion superis. La kutima direktoro foriris al libertempo, mi akceptis liajn proponojn kaj ekokupis lian oficon.

Mi ĝuadis la senton, ke mi denove havas laboron, kaj la tutan semajnon mi laboris kun plena memkontenteco. Ni presigis la gazeton, kaj mi vespere iom maltrankvile atendis, ĉu miaj laboroj sukcesos veki la publikan atenton. Mi forlasis la oficejon je la sunkuŝiĝo, kaj mi vidis malsupre de la ŝtuparo virojn, kiuj per unu sola movo disiris kaj lasis al mi lokon; mi aŭdis unu aŭ du, kiuj diris: „Estas li!" Kompreneble min agrable impresis tiu okazintaĵo. La morgaŭan matenon, mi trovis similan grupon malsupre de la ŝtuparo, renkontinte disajn parojn kaj homojn, kiuj haltadis ĉi tie kaj tie en la strato, kaj rigardis min kun intereso. Je mia alveno la grupo disiris, kaj la homoj foriris; mi aŭdis iun diri: „Rigardu lian okulon!" Mi ŝajnigis kvazaŭ mi nenion rimarkus pri la scivolo, sed en la fundo de mia animo, mi estis kontentega, kaj mi intencis tion skribi al mia onklino. Mi grimpis la ŝtupojn kaj, alproksimiĝante je la enirejo, aŭdis ĝojajn voĉojn kaj ridegon. Malferminte la pordon, mi ekvidis du junulojn, kies vizaĝoj paliĝis kaj konsterniĝis, kiam ili vidis min, kaj ambaŭ kun granda bruo pretersaltis la fenestron. Surprizita mi estis.

Proksimume duonhoron poste, eniris kaj laŭ mia peto eksidiĝis maljuna sinjoro, kun riĉega barbo, kaj nobla, iom severa, vizaĝo. Li ŝajnis priokupita. Li delasis sian ĉapelon, ĝin metis sur la plankon kaj eltiris de ĝi ruĝsilkan koltukon kaj kajeron de nia gazeton. Li malfermis la folion sur siaj genuoj kaj, puriginte siajn okulvitrojn per la koltuko, li diris:

— „Vi estas la nova direktoro?"

Mi jese respondis.

— „Ĉu vi iam direktis alian agrikulturan gazeton?"

— „Ne, mi respondis, tio estas mia unua provo."

— „Estas tre verŝajne. Ĉu vi havas ian praktikan sperton pri agrikulturo."

— „Ne. Mi ne kredas."

— „Mi tion eksupozis, diris la maljuna sinjoro almetante siajn okulvitrojn kaj rigardante min kun akra mieno, dum li refaldis la gazeton. Mi eklegos tion, kio elformis mian supozon. Estas tiu artikolo. Aŭskultu kaj diru al mi, ĉu tion ĉi verkis vi:

„Oni neniam devus elradikigi la napojn. Tio difektas ilin. Estas preferinde suprenirigi knabon por skui la arbon."

— „Nu, kion pensas vi? — ĉar, ĉu ne, estas vi, kiu skribis tiun frazon?"

— „Kion mi pensas? Sed mi pensas, ke tio estas tre ĝusta. Tre saĝa. Mi estas konvikita, ke ĉiujare milionoj kaj milionoj da buŝeloj de napoj, sole en tiu ĉi lando, estas perdataj, ĉar oni elradikigas ilin duonmaturajn. Kontraŭe, se oni suprenirigus knabon por skui la arbon . . . ?"

— „Skui vian avinon! Ĉu vi do kredas, ke la napoj kreskas sur arboj!"

— „Ho, ne, certe ne! Kiu al vi diras, ke ili kreskas sur arboj. Tio estas figura, pure figura esprimo. Nur azenego ne komprenus, ke tiu knabo devus skui la bertrunkon . . ."

La maljuna sinjoro stariĝis, disŝiris la gazeton je fragmentetoj, kiujn li piedpremis, frakasis kelkajn objektojn per sia bastono, deklaris, ke mi estas pli malklera ol bovino, kaj foriris klakbatante la pordon; resume, li kondutis tiel, ke mi estis konvinkita, ke io estis malplaĉinta al li. Sed ĉar mi ne sciis, kio estis, mi neniel povis helpi lin.

Post momento, alsaltis en mian oficejon longa kadavrosimila estaĵo, kun plataj haroj falantaj sur la ŝultro, kaj hirta oktaga barbo; li senmove haltis, unu fingron sur la lipoj, la kapon kaj la korpon kliniĝintajn en aŭskultema sintenado.

Plena estis la silenta. La enirinto ankoraŭ aŭskultis. Nenia bruo. Tiam li ŝlosis la pordon, antaŭeniris al mi sur la piedpinto, ektuŝis min kaj haltis. Konsiderinte dum momento mian vizaĝon kun intensa intereso, li elpoŝigis falditan kajeron de la gazeto.

„Jen, li diris, jen, kion vi skribis. Legu ĝin al mi, rapide, helpu min. Mi suferas."

Mi legis la ĉi-subon. Dum la frazoj elfalis el miaj lipoj, mi konstatis, ke rekvietiĝas lia vizaĝo, malstreĉiĝas liaj muskoloj, kaj paco kaj sereneco disvastiĝas sur liaj trajtoj, kiel benata lunbrilo sur funebraspekta pejzaĝo:

„La guano, mi legis, estas bela birdo, sed ĝia edukado postulas grandajn zorgojn. Oni ne devas ĝin importi antaŭ junio aŭ post septembro. Vintre, oni zorgos ĝin meti en varman lokon, kie ĝi povos kovi siajn idojn."

„Estas evidente, ke por la greno la sezono estos malfrua. La farmisto bone agos komencante semi la tritikon kaj la poligonon dum julio anstataŭ aŭgusto."

„Kelkaj vortoj pri la kukurbo: Tiu ĉi bero tre ŝatata de la indiĝenoj de interna Nova Anglujo, kiuj preferas ĝin pli ol la ribon por fari siajn kukojn. Ili ankaŭ preferas ĝin pli ol la frambon por nutri la bovinojn, ĉar ĝi estas pli nutriga."

„La kukurbo estas la sola manĝebla variaĵo de la familio de la oranĝoj, kiu sukcesas en la nordlandoj. Sed rapide malaperas la kutimo ĝin planti en la kortojn de la domoj, por fari boskojn. Estas hodiaŭ ĝenerale allasate, ke la kukurbo nenion taŭgas por ombradi."

„La varma sezono komenciĝas, kaj la viranseroj ekfrajas..."

Entuziasmigite, mia aŭskultanto alsaltis al mi, premis miajn manojn kaj ekkriis:

„Jen! sufiĉas. Mi scias nun, ke freneza mi ne estas. Tion vi legis tutsame kiel mi. Sed kiam mi hodiaŭ matene eklegis vin, mi diris al mi: „Ne, ne, neniam mi tion kredis malgraŭ la penoj de miaj amikoj, sed nun mi ja sentas, ke mi estas freneza; mi tiam ekblekegis tiel ke oni aŭdis je du kilometroj, kaj mi foriris por mortigi iun, ĉar mi sentis, ke tio nepre okazos frue aŭ malfrue, kaj mi opiniis, ke pli bone estis tuj komenci. Mi ree tralegis unu el viaj paragrafoj por esti tute certa, ekbruligis mian domon kaj foriris. Mi kripligis plurajn personojn, kaj mi enfermis viron en iun arbon, kiun mi retrovos kiam mi volos. Sed mi pensis, ke necese estis iri al vi, kaj certiĝi pri la afero. Nun, mi scias, kaj mi povas diri, ke ĝi estas feliĉo por la viro, kiu estas en la arbo. Mi sendube estus mortiginta lin repasante apud la arbo. Bonan vesperon, sinjoro, bonan vesperon, vi forprenis el mia spirito grandan pezon. Mia saĝo rezistis al la legado de unu el viaj agrikulturaj artikoloj. Mi scias, ke de nun nenio jam povos ĝin konfuzi. Bonan vesperon, sinjoro."

Mi estis iom kortuŝita, pensante pri la krimoj kaj bruladoj plenumitaj de tiu viro, kaj mi ne povis ne pensi, ke mi estas iom kunkulpa. Sed tiuj sentoj rapide malaperis, ĉar la konstanta direktoro ĵus estis enirinta.

La direktoro aspektis malĝoja, korpremita, funebra.

Li rigardis la detruojn, kiujn faris la kolerema maljuna sinjoro kaj la du junaj farmistoj, kaj diris:

— „Tio estas malbona laboro, tre malbona laboro. La glubotelo estas rompita, ses vitroj frakasitaj, plie unu kraĉujo kaj du kandelingoj. Sed plej terure estas, ke estas detruita la bonfamo de la gazeto, kaj por ĉiam, mi timas."

... Nu! Kio do povis enkapigi al vi, ke vi estas kapabla gvidi tian gazeton. Vi ŝajnas nescii la unuajn elementojn de agrikulturo... Vi intermiksas sulkon kun erpilo. Vi parolas pri la sezono, en kiu la bovinoj harŝanĝas, kaj vi rekomendas la malsovaĝigon de la putoro, sub la preteksto, ke ĝi ŝatas ludi kaj kaptas la ratojn! Tute superflua estas via rimarko, ke la mituloj restas trankvilaj kiam oni muzikludas. Nenio rompas la serenecon de la mituloj. La mituloj neniel okupiĝas pri muziko. Ha! ĉielo kaj tero! mia amiko. Se la celo de via vivo estus akiri la malklerecon, vi ne povus pli brile ol hodiaŭ pasigi viajn ekzamenojn de doktoro pri nuleco. Ion similan mi neniam vidis. Via rimarko, ke la Inda marono estas pli kaj pli ŝatata kiel komercaĵo estas simple kalkulita por detrui tiun gazeton. Mi petas vin lasi viajn laborojn kaj foriri. Libertempon mi plu ne bezonas. Mi ne povus ĝui ĝin, sciante, ke vi sidas je mia loko. Mi senĉese kun teruro demandus al mi, kion vi la proksiman fojon rekomendos al miaj legantoj. Mi perdas la paciencon kiam mi pensas, ke vi parolis pri la ostrejoj sub la rubriko: „La ĝardenisto pejzaĝa". Mi petegas vin foriri. Nenio en la mondo povus decidigi min je nova libertempo. Ho, kial vi ne diris, ke pri agrikulturo vi scias tute nenion?"

— „Kial, spiko de maizo, kapo de artiŝoko, infano de florbraziko! Sed, ĝi estas la unua fojo, kiam oni faras al mi tiajn ridindajn rimarkojn. Mi diras al vi, ke de dek-kvar jaroj mi estas ĵurnalisto, kaj neniam mi aŭdis, ke estas necese ion scii por skribi en gazeto. Malsprita napo! kiu redaktas la dramajn kritikojn en la duarangaj folioj? Amaso de ŝuistoj kaj apoteklernantoj, kiuj pri la teatrarto scias same kiel mi pri la agrikulturo, kaj ne pli. Kiu recenzas la librojn? Homoj, kiuj neniam verkis eĉ unu. Kiu do faras la artikolojn pri financoj? Homoj, kiuj pro bonegaj kaŭzoj scias nenion pri ili. Kiu skribas kontraŭ la drinkado kaj blekegas kontraŭ la punĉo? Tiaj knabegoj, kiuj ĝis la tago de sia entombiĝo neniam estos sobraj. Kiu redaktas la agrikulturajn gazetojn? Vi, kapo de ignamo. Kaj, absoluta regulo, ĉiuj, kiuj malsukcesis en la poezio aŭ en la romanoj je flava kovrilo, la sensaciaj dramoj, la mondumaj kronikoj, kaj kiuj fine falas en la agrikulturan fakon ĉe sia lasta stacio antaŭ la hospitalo! Sinjoro, tiun metion mi konas de alfa ĝis omega, kaj mi diras al vi, ke ju malpli kompetenta estas homo, des pli da famo li havos kaj des pli da mono li gajnas. La ĉielo atestas, ke se mi estus malklera anstataŭ instruita, aroganta anstataŭ modesta, mi povus famigi mian nomon en tiu malvarma kaj egoista mondo. Mi foriras, sinjoro. De la momento, kiam mi estis traktita de vi en la maniero, kiun vi scias, mi decidis foriri. Mian devon mi faris. Miajn promesojn mi plenumis kiel eble plej skrupule. Mi pretendis, ke mi povus fari vian gazeton interesa por ĉiuj klasoj de legantoj. Tion mi faris. — Mi estis promesinta, ke mi altigos la presadon ĝis du dek mil. Du pliajn semajnojn, kaj la cifero estus atingita. Kaj al vi mi estus doninta la plej bonan specon de legantoj, kiun agrikultura gazeto iam havis; en ĝi ne estus unu sola farmisto, unu sola homo kapabla diferenci akvomelonon de persiko, eĉ se de tio dependus lia vivo. Estas vi, kiu perdas pro nia rompo, ne mi. Adiaŭ" — kaj mi foriris.

Trad. *E. B.*

---

# TRA LA ESPERANTA LITERATURO

**Esperanta Krestomatio,** el verkoj de 42 diversnaciaj autoroj. Ellaboris *A. A. Saĥarov.* Librejo Esperanto, Moskvo. Prezo: 15 kop. (0.16 Sm.). Broŝuro de 48 paĝoj.

Kolekto de rakontoj kaj artikoloj el konataj Esperantistaj aŭtoroj: D-ro Zamenhof, Bein, C. Bourlet, Ed. Privat, de Skeel Giörling, Paul Nylen, k. t. p. La verketo estas dividata je kvin partoj: I. Fabloj, fabeloj, rakontoj, legendoj. II. Artikoloj priskribaj, lirikaj, historiaj, geografiaj. III. Leteroj. IV. Versaĵoj. V. Artikoloj religiaj, sciencaj kaj organizaj. La stilo estas kompreneble bona, pro la elektitaj aŭtoroj, sed la kunigitaj pecoj estas neegale valoraj kaj interesaj. Entute la enhavo ne tute respondas al la pretendema titolo: Esperanta Krestomatio. Ĝi tamen povas utili kiel legaĵo por komencantoj.

*Interim.*

## ESPERANTO-KONGRESOJ

### Naŭa Brita Esperantista-Kongreso

Tiu Kongreso okazis la 10—13 junio en York. Malgraŭ la nunaj cirkonstancoj, partoprenis proksimume du cent personoj. Bedaŭrinde la vetero ne estis favora, kaj la projektita plenaera kunveno ne povis okazi.

Pro la morto de sia patro la urbestro estis malhelpita malfermi la Kongreson. Anstataŭ li, S-ro Alderman J. B. Inglis salutis la kongresanojn kaj esprimis al ili siajn bondezirojn. Kolonelo Pollen dankis lin, kaj S-ro J. M. Warden, prezidanto de BEA, substrekis la nunan signifon de la Kongreson kaj aludis pri la postmilitaj gravaj taskoj.

Vespere, bonega koncerto okazis en la Guildhall, kun la partopreno de belgaj samideanoj.

Dimanĉon 11 junio, Rev. T. R. Butler, el Kingston-on-Thames, faris Esperantan diservon. Poste, okazis kunveno de Esperantaj Socialistoj sub la prezido de F-ino H. Fryer, kaj la unua Esperanta kunveno de la Societo de la Amikoj (Quaker), kiu prezentis specialan intereson. Vespere, neformala koncerto ĝojigis la ĉeestantojn.

La ĝenerala kunveno de la BEA, kiu okazis la postan tagon, estis prezidata de Kolonelo Pollen. La raporto pri la jaro 1915 estis akceptita, kaj la kunveno honorigis la memoron de la mortinta prezidanto.

Sekvis raportoj pri la financa situacio. Responde al la alvoko farita, la ĉeestantaj Esperantistoj subskribis je la garantia fundo, kiu de 4315 funtoj plialtiĝis ĝis 5135 funtoj.

Ĉe la balotado S-ro J. M. Warden estis elektita kiel prezidanto de BEA. Oni akceptis rezolucion por instigi la ambasadorojn de Rusujo en Londono kaj de Britujo en Petrogrado, ke ili favoru Esperanton, kiu estas bonega ilo por faciligi la rilatojn inter Britujo kaj Rusujo. Alia rezolucio pri la oficiala instruado de nia lingvo post la milito estis sendita al la ĉefministro.

Publika koncerto okazis vespere, kun la kunlaborado de britaj kaj belgaj samideanoj; estis ludita teatraĵo de S-ro A. Vandervelde, titolita „Devo de Reĝo". Kolonelo Pollen faris trafan propagandan paroladon por la neesperantista publiko.

La lasta tago estis dediĉita al interesaj vizitoj ĉe la N. E. Railway Co. kaj ĉe la fabrikejoj de S-roj Rowntree & Co.

Entute la Kongreso estis nedubebla sukceso kaj al ĉiuj ĉeestintoj lasis bonegan rememoron.

### Oka Belga Esperantista Kongreso

Ĝi okazis en York, samtempe kun la Brita Esp. Kongreso, kun bona sukceso. La 12 junio, kunveno estis aranĝita sub la prezido de D-ro W. Van der Biest. Oni pritraktis diversajn aferojn rilatajn al la Belga Esp. Ligo kaj esprimis dankojn al la britaj samideanoj pro ilia helpado. Same kiel la antaŭan jaron, oni unuanime interkonsentis ne esprimi dezirojn rilate al la milito aŭ la eventuala paco. Pri la Esp. movado nuntempe en Belgujo, mankas novaĵoj. Estis tamen anoncite, ke la Antverpena Grupo regule kunvenas, sub la vigla prezidado de S-ro Van Schoor. Oni fine decidis, ke la Belga Ligo nomos honoraj membroj du eminentajn komitatanojn de BEA.

Tri belgaj samideanoj multe helpis al la sukceso de la dumkongresaj koncertoj, nome F-ino Walraf, F-ino Vermeulen kaj S-ro Vandervelde, tiu lasta aŭtoro de la emocia teatraĵo „Devo de Reĝo" kaj talenta kantisto kaj aktoro.

---

## KRONIKO

**Ni petas, ke oni bonvolu sendi ĉiujn komunikaĵojn utilajn por la redaktado de tiu kroniko ĉiumonate antaŭ la 20a. Ni plezure enpresos ĉiujn informojn pri kursoj, paroladoj, novaj grupoj, festoj, k. t. p., kaj — tiom kiom ili havas neŭtralan karakteron — komunikojn de la naciaj societoj, kies organo estas momente interrompita.**

### Aŭstrio-Hungario.

*Olmütz:* S-ro Murath gvidas kurson en gimnazio. — *Praha:* F-ino Supichova gvidas du kursojn, vizitatajn nur de fraŭlinoj. Okaze de konversacia vespero F-ino Supichova parolis pri Esp. kaj la mondmilito. Konstanta Esp. rubriko aperas en la gazetoj „Rozkvet" kaj „Maly Ĉtenar". — *Villach:* Ses el la vizitintoj de la komenca kurso trairis ekzamenon kaj sukcesis. — *Wien:* La faka societo „Der Stenotypist" aranĝis lecionojn en sia unujara komerca fako-kurso.

### Britujo.

*Burnley:* Ĉe la ĉiujara kunveno, la raportoj de la kasisto kaj sekretario montris tre kontentigajn rezultatojn malgraŭ la milito. — *Eccles:* La grupo aranĝis festeton, kiun ankaŭ partoprenis samideanoj el Bolton, Leigh kaj Manchester. — *Hastings:* S-ro Kol. Pollen faris paroladon. Nova kurso por komencantoj estis aranĝita. — *London:* En Tufnell, tre sukcesa festeto okazis. En Balham S-ro P. Blaise faris tre interesan paroladon ĉe la Balham Commercial Institute. S-roj Edmonds kaj Parker aranĝis sukcesan plenaeran kunvenon en Finsbury Park. En „The Review of Reviews" aperas regule interesa paĝo pri la Esp. movado.

### Francujo.

*Beauvais:* Estos aranĝata kurso speciale por la Ruĝ-Krucanoj kaj militistoj estantaj momente en Beauvais. Novaj publikaj kursoj okazos en oktobro ĉe la urbdomo. — *Quimper:* En Ile de Sieck, S-ro F. Zwiek faras novan kurson al la civilinternigitoj. — *Sotteville-les-Rouen:* S-ro J. Robin daŭrigis viglan propagandon ĉe la soldatoj; li aranĝis kurson, kiun ĉeestis ĉ. 48 lernantoj. La grupo ofte organizas ekskursojn. Ankaŭ partoprenas en la kunvenoj belgaj kaj britaj soldatoj. Multaj propagandiloj estis disdonitaj.

### Germanujo.

*Bamberg:* En la „Bamberger Tageblatt" aperas Esp. angulo prizorgata de S-ro K. J. Loy. — *Berlin:* Ĉe la grupo, S-ro D-ro Winsch faris interesplenan paroladon pri varmokulturo. — *Dresden:* La grupo „Plaŭena Fundo" malfermis en Potschappel kurson, kiun gvidas S-ro W. Johne; 29 partoprenantoj. En Dresden, regulaj kunvenoj okazas lunde kaj vendrede en la Esp. hejmo. — *Essen:* Sukcesa vesperfesto estis aranĝita okaze de la 6a datreveno fondiĝo de la grupo. S-ro ĉefredaktoro Hartenfels paroladis pri la nuna kaj postmilita graveco de Esp. La grupa vivo estas kontentiga; okazas kurso por komencantoj kun 30 partoprenantoj, kaj alia por progresintoj. — *Gera:* La grupo aranĝis familian vesperfeston. Oni anoncis novan kurson. — *Lübeck:* S-ro D-ro Möbusz faris paroladojn en kvin lazaretoj. — *Schweidnitz:* La grupo festis sian fondiĝfeston, je kiu partoprenis 50 personoj. — *Stuttgart:* S-ro P-ro Christaller paroladis ĉe refreŝejo por vunditaj soldatoj.

### Grekujo.

*Saloniko:* Kelkaj soldatsamideanoj el la orienta armeo plensukcese aranĝis duonsemajnan kurson, ĉe kiu partoprenas okdek personoj. Ili formis grupon sub la titolo Socialista Esp. Asocio.

### Hispanujo.

*Banyoles:* Estas malfermota kurso por junuloj. — *Barcelona:* La Esp. Societo Paco kaj Amo okazigis akceptan feston okaze de

donaco de busto de D-ro Zamenhof kaj alegorio pri Esp., kiun faris al ĝi „La agrupacion de alumnos y exalumnos" de la urba arta lernejo. — *Gerona:* Propaganda festo estis organizita de la Ĝerona Espero kaj de la seminaria grupo Studenta Juneco. Je la festo ĉeestis 300 personoj. Ĉiuj enurbaj ĵurnaloj longe raportis. — *Las Palmas:* La „Centro Esp. de Las Palmas" (Canarias), malgraŭ la nunaj cirkonstancoj, varme propagandas. Disdonado de prospektoj ofte okazas. Kurso daŭrigas sub la gvidado de S-roj Martinez kaj Suárez. La grava loka societo „Fomento y Turismo" propagandos Esp. Nederlandaj samideanoj, venintaj el Hindujo, ĉiusemajne trapasas la urbon. — *Madrid:* La Prez. de Centra Madrida Grupo, S-ro R. de San Millán paroladis ĉe la centro pri komerca instruado antaŭ multaj personoj. En oktobro oni malfermos kurson. En la lasta nacia kongreso de komercistoj Esp. estis akceptita kiel internacia komprenilo. La Del. de Arden (Usono) kaj lia edzino estis akceptitaj de la Madridaj samideanoj. — *Palafrugell:* Propaganda parolado de S-ro Grau okazis en la Ateneo kun bona sukceso. — *Palma de Mallorca:* En la ekzamenoj okazintaj ĉe la ĉi-tiea grupo, la juĝantaro, kiu konsistis el S-roj J. Aguilo, J. Mascaro kaj N. Bofill, aljuĝis monpremion al S-ro Darvin Pons kaj honoran mencion al S-ro Nicasio Terrasa. — *Reus:* Ĉe la Komerca Ĉambro, S-ro Grau faris sukcesan paroladon, pri kiu longe raportis la enurbaj ĵurnaloj. — *Tarragona:* La grupanoj faris bonan propagandon okaze de teatra festo ĉe „Union Agricola"; S-roj Vidal, Alegret kaj Obiol paroladis. — *Zaragoza:* Kunsido, ĉe kiu partoprenis ĉirkaŭ kvindek samideanoj el diversaj urboj de Aragono, decidis fondi Aragonan Esp. Federacion, kies prez. estos S-ro Manuel Maynar.

## Nederlando.

*Hago:* Ĉe la grupo „Fine ĝi venkos", F-ino Buijs interesige paroladis pri la betsukerfabrikado en Nederlando, F-ino Boon pri la historio de la vestado kaj S-ro Lutter pri la kansukero en Indio. Bicikla ekskurso al Naaldwijk estis aranĝita. — *Rotterdam:* S-ro van de Stadt, instruisto de la Klubo Katolika Stelo, starigis Esperantejon, kie li senpage propagandas, paroladas kaj instruas nian lingvon.

## Portugalujo.

*Lisbono:* S-ro Rodolfo Horner, ĉe la salono de la Esp. grupo paroladis pri la „lingvistika psikologio" kaj bone montris la superecon de nia lingvo. Ĉe la Komerca Ateneo okazis Esp. ekzameno, sub la prezido de S-ro D-ro L. Piçarra; la Del. de UEA partoprenis en la juĝantaro. La Lisbona Esp. Societo lastatempe multe propagandis; ĝi baldaŭ eldonos monatan bultenon kaj aranĝos enketon ĉe portugalaj klerulojj. S-ro Adelino de Carvalho gvidas kurson por sinjorinoj. Multaj departementaj gazetoj publikigis notojn pri nia movado.

## Rusujo.

*Astraĥan:* La loka societo aranĝis bonan Esp. ekspozicion ĉe la bazaro por la Popola Infana Domo. Nova kurso ekfunkciis ĉe la Komercaj Klasoj. — *Baku:* Okazis sukcesa vesperfesto, la dua en tiu ĉi jaro. Ekzistas nun kvar Esp. kursoj. — *Barnaul:* Formiĝis Esp. rondeto post parolado de S-ro Seriŝev. — *Kamiŝin:* Nia lingvo ekdisvastiĝas; fondiĝis rondeto ĉe gimnazianinoj. — *Kiev:* El ĝia jara raporto rezultas, ke la tiea Esp. societo havas 61 membrojn, faris 100 kunvenojn kaj 3 kursojn, havas bibliotekon kun 500 libroj. — *Kirsanov* (Tambov): Ĉe la tendaro de la italaj militkaptitoj (el Aŭstrio) estis starigita kurso kun 42 lernantoj, kiun gvidas lerte S-ro instruisto Taufer. En la ok malsamaj ejoj grupete lernas nian lingvon pli ol 150 kaptitoj. — *Kozlov:* La loka gazeto enpresis serion de artikoloj pri Esp. — *Petrogrado:* En junio, la societo „Espero" modeste festis la 25-jaran jubileon de sia fondo. „Espero" estis la unua Esp. societo en Rusujo kaj en la mondo. Je 1908 ĝi ĉesis funkcii kaj je 1913 ĝi restariĝis kun nova regularo. „Espero" posedas unikan en la mondo Esp. arĥivon kun leteroj de D-ro Zamenhof de 1887.

## Svedujo.

S-ro Pastro Wickam daŭrigis sian sukcesan paroladvojaĝon. Li paroladis en *Eskiltuna* (100 aŭskultantoj), *Sala* (200), *Hofors* (120), *Storvik* (125), *Ashammar* (120), *Gävle* (230), *Söderhamn*. Deziresprimo pri Esp. kiel lerneja temo estis akceptita en ĉiu el la nomitaj lokoj. Multloka vigliĝo de la intereso por Esp. jam estas konstatebla kiel rezultato de la paroladvojaĝo de S-ro Wickman, kaj verŝajne ankoraŭ pli multaj sukcesoj estos raporteblaj pli-malpli frue. — *Ashammar:* La bontemplana studrondo akceptis Esp. kiel lernotemon. Gvidanto estas S-ro Algot Ström. — *Arvall:* S-ro Rosenberg gvidas kurson kun 30 lernantoj, sub la aŭspicioj de la Excelsior-Societo. — *Halmstad:* Esp. Klubo fondiĝis kaj havas nun 30 membrojn. S-ro Backman, el Helsingborg, faris kurson al 26 personoj. — *Skara:* S-ro redaktoro E. Bogren gvidis kurson, kiu sukcese finiĝis per agrabla festo. La lokaj gazetoj ofte raportas pri nia movado. — *Västerås:* Kiel rezultato de la parolado de Pastro Wickman, fondiĝis klubo. S-ro E. Engström gvidas kurson.

## Usono.

*Annapolis* (Mar.): Ĉi tie devas okazi je la 27 ĝis 30 julio la 9a jara Kongreso de la Esp. Asocio de Nord-Ameriko. Ni raportos pri ĝi en proksima N-ro. — *Berkeley* (Cal.): Esp. estis enkondukita en la kursaron de la somera interkunveno de la Universitato de Kalifornio. La rekono de nia lingvo ĉe la dua, laŭ graveco, lernejo en Usono estas rimarkinda sukceso. — *Boston* (Mass.): La societo kondukas kvar kursojn por komencantoj kaj plispertuloj. S-ro R. Schmitt gvidas kurson ĉe la „Social Science" Lernejo. — *Brooklyn* (N. Y.): La Nov-Jorkaj Esp-istoj havis tie sukcesplenan feston, pri kiu detale raportis pluraj gazetoj. S-ro A. B. Coigne gvidas novan kurson kaj S-ro R. Hilding instruas al nova grupo, organizita ĉe la Williamsburg Fako de la Urba Biblioteko. — *Chicago* (Ill.): S-ro J. Howard Pearson gvidas kurson. S-ro Paublonsky kondukis du kursojn por hebreoj. Kurso ekzistas inter la Baha'anoj, kaj S-ro Harris ankoraŭ gvidas viglan grupon. — *Delphos* (Ohio): La grupo regule kunvenas mardon vesp. El la dekses anoj dekdu estas geinstruistoj. Kursoj en la popola lernejo estos verŝajne organizataj sub la gvido de S-roj Laudick kaj Gibson. — *Detroit* (Mich.): La Pola Esp. Asocio havas nun 35 anojn; kurso okazas. — *Montpelier* (Vt.): Okazis sukcesa dua jarfesto de la Interurba Klubo Esp. La naciaj lingvoj reprezentitaj estis dekdu. — *Philadelphia* (Pa.): La loka societo daŭrigis aktivan propagandon. La kunvenoj kaj festoj estas bone vizitataj. — *Pine Bluff* (Ark.): S-ro R. Mc Intyre parolis al la plej maljunaj geinfanoj de la Publika Biblioteko; ĉeestis 75 geinfanoj kaj kelkaj gevirој. Ŝlosiloj estis disdonitaj. Kurso kredeble sekvos. — *Tilden* (Nebr.): S-ro Chas. P. Lang, Del., publikigis artikolon en „The Pusher", bulteno de la Nebraska Kristancelada Unio. Li ankaŭ starigis Poŝtan Esperanto-Instituton por lernado de nia lingvo. — *West Newton* (Mass.): S-ro E. F. Dow paroladis ĉe la „Opportunity Club".

## Brazilujo.

*Aracaju:* Oni komencis la laboron pri la 6a Brazila Kongreso de Esp. okazonta en januaro 1917. — *Ceará:* La duagrada laborista lernejo malfermis kurson sub la gvidado de S-roj Caminha, Enrico Pinto kaj M. de Queiroz. — *Rio de Janeiro:* S-ro A. Couto Fernandes malfermis kurson.

## Meksikujo.

*Mexico:* Fondiĝis propaganda societo „Amikaro". Adreso: 31, Iturbide; kunvenoj ĉiulunde je 8 h.

## Urugvajo.

*Montevideo:* Fondiĝis nova societo nomata Esp. Grupo „Montevideo"; adreso: 1258, str. San Jose. En la Socialista Centro oni malfermis novan kurson, kun 30 lernantoj, gvidatan de S-ro Zorrilla de San Martin.

## DIVERSAĴOJ

.˙. **Esperanto kaj Ruĝa Kruco.** — La francaj gazetoj publikigis la jenan informon: „La franca ŝtata subsekretario de la saneca fako ĵus komunikis al la direktoroj de la regionoj cirkuleron, per kiu li informas ilin, ke li metas je ilia dispono dulingvajn ekzemplerojn kaj lernolibretojn „Esperanto-Ruĝa Kruco" por esti disdonataj en la sanitaraj grupoj al la kuracistoj kaj flegistoj rilatantaj kun diversgentaj vunditoj."

Alilandaj samideanoj utiligu tiun valoran informon, por similcela klopodo en sia propra nacio.

.˙. **Esperanto kaj komercaj rilatoj.** — S-ro S. R. Marshall, el Londono (57, Muirkirk Rd., Catford), sendis al britaj kaj rusaj samideanoj la jenan cirkuleron pri praktika utiligo de nia lingvo por la postmilitaj komercaj rilatoj inter Britujo kaj Rusujo:

„Dum la lastaj monatoj oni multe legis en la anglaj ĵurnaloj pri la komercado inter Rusujo kaj Britujo post la milito, kaj ĉiam oni bedaŭras la mankon de facila interrilatigilo por forigi la grandan lingvo-barilon, ĉar la du naciaj lingvoj estas tro malfacilaj por tuja alpreno. Nu, ŝajnas al mi, ke tiu ĉi fakto donas al ni Esperantistoj la plej bonan okazon, kiun ni povas havi por tuja kaj efika propagando de l' Zamenhofa lingvo, kaj por ke ni provu rikolti, kiel eble plej baldaŭ, la fruktojn de niaj jamaj laboroj, mi proponas la jenan praktikan eksperimenton:

„Miaparte instrui senpage dudekon da ne-esperantistaj angloj, dum iu ruso faras same kaj samtempe al dudeko da ne-esperantistaj rusoj, por trimonata kurso, kaj fine pruvu la rezulton per kvazaŭ komerca interrilatigo. La instruatoj devas esti komizoj ĉe komercaj firmoj, kiuj deziras rilati kun rusaj (anglaj) firmoj.

„Se en via urbo vi povos aranĝi tian eksperimentan kurson kiel elmontron de l' utileco de Esperanto, mi povos tion fari ĉi tie en Londono kaj aliaj britaj urboj, kaj aranĝinte la kursojn, tiel ke ili ĉiuj komenciĝu kaj finiĝu samtempe, ni povos atentigi la gravajn ĵurnalojn pri la fakto, tiam tre kredeble ili interesiĝos kaj helpos al la propagandado publike.

„Se eble, estos bona ideo, doni premiojn al kelkaj studantoj, kiuj plej bone sukcesos ĉe la fina ekzameno aŭ pruvo inter la malsamnaciaj lernantaroj.

„La ideo estas ellaborebla en ĉiuj landoj, kaj ekzempleroj de tiu ĉi letero estas sendataj al Esperantaj societoj, grupoj, kaj UEA-Delegitoj en la plej gravaj urboj de Anglujo, Rusujo, Francujo, Italujo, kaj Japanujo."

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Agado de UEA dum la milito.** — Jam de kelka tempo nenio aperis sub tiu ĉi rubriko pri la dummilita agado de la C. O. de nia Asocio. Tio ne supozigu, ke tia agado ĉesis aŭ malvigliĝis. Se pro la iom-post-ioma adaptiĝo je la militstato kaj la multflanka laboro de la diversaj helpinstitucioj, la nombro de la informpetoj kaj servoj ne estis tiel granda kiel en la antaŭa jaro, nia Oficejo estas tamen en la situacio fari ĉiutage kelkdekojn de ŝatataj servoj, ĉu al membroj de UEA, ĉu al neesperantistoj. Transsendo de leteroj, esploroj pri malaperintoj, diversspecaj klopodoj en la militantaj landoj, okupas parton de la laboro plenumata ĉe la Oficejo.

Multnombraj malsanaj militistoj, anglaj, belgaj, francaj, germanaj, estas nun internigitaj en Svisujo. Ni komencis dissendigi propagandilojn al la diversaj lokoj, kie estas tiaj internigitoj, kaj, laŭeble, aranĝos propagandon kun helpo de enlandaj samideanoj.

Nia Oficejo daŭrigis servi kiel komuna centro por la diversnaciaj Esperantistoj, kiuj per ĝi povas, malgraŭ la milito, utili unu al la alia. Ni penis kunteni la ligilojn de la internacia Esperantista vivo, kaj ni plezure konstatas, ke spite la tre malfavoraj kondiĉoj nia anaro restas fidela kaj ne lasas sin disbati per la malespero. En kelkaj nemilitantaj landoj nia movado kontentige progresas, kaj eĉ en la nacioj, trafitaj de la milito, la Esperanta agado, kvankam malpli vigla ol antaŭe, ne estis interrompita.

Ke nia movado eltenis dum la nuna mondkatastrofo estas ĝojiga simptomo pri ĝia forto kaj promesplena signo por la estonteco. Ni estas feliĉaj, ke ĝis certa grado UEA povis kunhelpi je tiu necesa rezisto kontraŭ la disiga influo de la milito.

Grava malfacilaĵo por nia dummilita agado rezultas el la sintenado de la cenzuro rilate al nia lingvo en kelkaj el la militantaj landoj. En diversajn regionojn niaj eldonaĵoj — Jarlibro aŭ gazeto — ne sukcesas enpenetri aŭ nur malregule estas ricevataj. Tio kompreneble multe ĝenas nian agadon. Ĉiuj necesaj klopodoj por ĉesigi tian staton estis faritaj, sed ne en ĉiuj okazoj ili donis kontentigan rezultaton. Cetere, en tiuj institucioj naskitaj dum la milito mem, regas granda arbitro, kaj ofte tio, kio estas allasata hodiaŭ, estos malpermesata morgaŭ, aŭ reciproke, sen alia kaŭzo ol la bonplaĉo de oficisto. Ni devas rezignacie elporti tiujn malagrablaĵojn neapartigeblajn de la eksterordinaraj kondiĉoj, sub kiuj ni vivas.

La repagado de la kotizaĵoj, malfaciligata de la supre aluditaj baroj, povis tamen efektiviĝi kun proksimume sama rezultato kiel la lastan jaron. Speciala alvoko, en formo de presita poŝtkarto, estis sendita al ĉiuj ĝis nun ne ankoraŭ repagintaj membroj. Ni esperas, ke inter ili multaj scios kompreni la necesecon subteni, dum la nuna tempo, asocion, kiu estis utila eĉ dum la milito, kaj kiu havos tiel grandan taskon post la krizo.

### Garantia kapitalo.

**Listo de garantiantoj**

| | Frankoj |
|---|---|
| Antaŭa listo | 24,250 |
| 126. Risuke Tsuji, Nishinarigun, Osakafu (Japan) . . . . | 125 |
| Frankoj | 24,375 |

Entute (ĝis la 15 julio) 126 Garantiantoj mendintaj 195 atestojn, valoro 24,375 frankoj.

Ni rememorigas, ke laŭ la Regularo la atestpromesoj ne povas enhavi specialajn kondiĉojn kaj estas efektivigeblaj plej malfrue tri monatojn post la promeso. Pri la akiro de atestoj oni bonvolu informi la *Centran Oficejon de UEA* (10, rue de la Bourse, *Genève*). La monon oni pagu al la banko, kiu senpere kvitancos la ricevon: *Kantonalbank, Bern* (Banque Cantonale, Berne), [Nationalbank konto 1020, svisa poŝtĉeko III. 106.].

Poste la Garantiantoj ricevos la atestojn, la karton de dumviva membro, kaj estos enregistrataj kiel abonantoj al „*Esperanto*".

Restas vendeblaj ankoraŭ 5 atestoj.

**Kotizaĵoj por 1916.** — Je la 31 majo estis enkasigitaj 1838 kotizaĵoj (el kiuj 74 subtenantoj). Krom tio estas 145 dumvivaj membroj. Sume: 1983. — *Esperantiaj Entreprenoj:* 63.

Je la 30 junio estis enkasigitaj 2048 kotizaĵoj (el kiuj 80 subtenantoj). Krom tio estas 146 dumvivaj membroj. Sume: 2194. — *Esperantiaj Entreprenoj:* 66.

**Statistiko de la korespondaĵoj.** — Movado de la korespondaĵoj dum la monato majo:

| Ricevitaj | Forsenditaj |
|---|---|
| 923 | 2,693 |

*Tuta sumo:* 3,616. (Antaŭa monato: 2,671.)

Movado de la korespondaĵoj dum la monato junio:

| Ricevitaj | Forsenditaj |
|---|---|
| 860 | 1,364 |

*Tuta sumo:* 2,224. (Antaŭa monato: 3,616.)

### Novaj Delegitoj.

*Arnhem* (Nederlando, Gelderland). — VD.: S-ro Hendrik Vuilink, Sloetstr. 49.

*Glogau* (Germanujo, Schlesien). — D.: S-ro G. Piersig, Preussische Str. 32.

*Grimsby* (Angl., Lincoln). — D.: S-ro W. M. C. Nowell, 338, Hainton Av.

*Hengelo* (Nederlando, Overijsel). — D.: S-ro G. Van Heek, Steynstraat 72.

*Pittsburgh* (Usono, Penn.). — D.: S-ro J. Ballay, c. o. Farmers Dep. Savings Bk.

*Rangoon* (Indio, Burma). — D.: S-ro James A. Johnston, c. o. Binning & Co.

*Venlo* (Nederlando, Limburg). — D.: S-ro A. v. Leerdam, Stalberg 136.

### Ŝanĝo.

*Aarhus* (Danujo, Jutland). — D.: S-ro C. A. Hvorslev, Tröjborgvej 32.

*Bern* (Svisujo). — D.: S-ro R. Bolliger, bankoficisto, Maulbeerstrasse 17, IV. — VD.: S-ro Rudolf Fuchs, komercisto, Bern-Riedbach.

*Bochum* (Germanujo, Westfalen). — D.: S-ro Franz Towett, Tarnstr. 43.

*Lübeck* (Germanujo). — D.: S-ro Heinrich Selmer, Falkenwiese 11.

*Praha* (Aŭstrio, Bohemujo). — SD.: F-ino Julie Ŝupichova, 10, Málá Štěpánská

### Adresŝanĝoj.

*Chemnitz* (Germanujo, Saksujo). — D.: S-ro Fritz Wicke, Palmstr. 11, II.

*Los Angeles* (Usono, California). — D.: S-ro C. E. Kodil, 921, Olive St.

### Rimarkoj.

*Kamiŝin* (Rusujo, Saratov gub.). — Pro mobilizo de la Del. oni sin turnu al S-ro Vladimir Polakov, studento, Krasnaja ul.

S-ro D. J. Dalmau, Del. en *Bahia Blanca* (Arĝentina Respubliko), estas nuntempe en Gualba (Hispanujo, prov. Barcelona) pro kuraciĝo. Post 6 aŭ 8 monatoj li vojaĝos al kelkaj Eŭropaj landoj.

Provizore ne plu estas Del. en jenaj regionoj:

*Geestemünde* (Germanujo); *Northern Shan States* (Indio); *Riga* (Rusujo).

# La morto de Théophile Rousseau

Sinjorino Th. Rousseau petas nin, transdoni siajn tutkorajn dankojn al ĉiuj personoj, kiuj bonvolis esprimi al ŝi sian simpation okaze de la kruela malfeliĉo, kiu atingis ŝin.

* * *

De S-ro L. Istel, Del., Wiesbaden:

„Pro la nova terura bato, kiun suferas nia Asocio pro la morto de nia Vicprezidanto, akceptu la esprimon de mia kora partopreno. La vortoj de S-ro Hodler montras al ĉiu Esperantisto, kiu ne proksime konatiĝis kun S-ro Rousseau, kion en li perdis nia movado. Fidela al la fundamentoj de la interna ideo de nia afero, li estis unu el la malmultaj, kiuj ne lasis sin deturni de la vojo, kiu tamen iam kondukos la homaron al nia alta celado. La malaperinto estas luma ekzemplo ankaŭ por tiuj multaj el niaj samideanoj, kiuj ĉe la nunaj okazantaĵoj entombigis sian idealon kaj kredis, ke, ĉar tiu milito ankoraŭ unu fojon estis ebla, nia laboro estis vana kaj nia celo utopia. Tiuj malgrandpensuloj forgesas, ke ne niaj ideoj estis malĝustaj, sed ke tro malgranda estis la nombro de niaj anoj. Kiom multe la mortinto laboris por la alkonduko de pli bonaj kondiĉoj, atestas la raporto pri la batalado kontraŭ la ŝovinismo, de li prezentita ĉe la tria labora kunsido de nia Asocio en Bern, kiu bedaŭrinde ne estis akceptita en la formo proponita de la malaperinto.

„Povu la belegaj vortoj, kiujn li ankoraŭ skribis el la batalkampo, soni al ĉiuj Esperantistoj kiel testamento kaj ilin instigi post la milito labori kun duobligitaj fortoj por la efektivigo de nia idealo."

De S-ro G. Mahn, Del., Breslau:

„Kun profunda doloro mi eksciis pri la grava bato, kiu nin trafis per la morto de nia althonorata vicprezidanto Th. Rousseau. Vere, nia juna organizaĵo treege devas suferi en ĉi tiu popolmortigo. Ĉi tiuj niaj pioniroj, kiel Mudie kaj Rousseau, per siaj agoj kaj aspiroj apartenas ne sole al sia lando, sed al la tuta kultura homaro. Ili dum jaroj donis siajn fortojn por prosperigi tion, kion ili konsideris kiel homaran progreson. Tiaj homoj ne havas malamikojn, ĉar ili estis veraj amikoj de ĉiu civilizita homo. La karaj mortintoj ja ne plu povas batali kun ni, sed ili donis en UEA, kiun ili firmstarigis, heredaĵon, kiu espereble travivos multajn generaciojn, kaj per tio iliaj nomoj por ĉiam konserviĝos al la posteuloj. En mia nomo kaj en tiu de la ĉi-tiea malgranda areto de veraj Esperantianoj mi promesas al vi solene, ke ni gardos sankte la memoron de tiuj karaj samideanoj, disponigante niajn tutajn fortojn al la pligrandigo de la verko, kiun ili komencis, laŭ ilia spirito kaj sento. Bonvolu ankaŭ komuniki al la familio de Rousseau nian koran kondolencon."

# Fundamentaj Reguloj de la Vort-teorio en Esperanto

Sub tiu titolo, S-ro R. de Saussure, prezidanto de la Komisiono pri Vortfarado, antaŭ nelonge publikigis, en formo de raporto al la Esperantista Akademio, interesan broŝuron, kiu enhavas la tutan vortteorion de nia lingvo kaj ekzemplojn pri ĝia praktika aplikado.[1]

En la antaŭparolo S-ro R. de Saussure klarigas la staton de la demando rilate al la laboroj de la Akademio:

„En 1907 Prof. L. Couturat el Parizo eldonis verketon pri *La dérivation en Esperanto,* en kiu li faris diversajn kritikojn al la Esperanta sistemo de vortformado. Tiuj kritikoj ŝajnis al mi ne trafaj; sed ĉar en tiu epoko ekzistis nenia oficiala sistemo de Vortformado en Esperanto (krom la reg. 11a de la Fundamenta Gramatiko kaj la § 27 de la Ekzercaro), mi opiniis, ke oni devus rebati la argumentojn de S-ro Couturat kaj montri, ke ili estas bazitaj sur neĝusta kompreno de la vortstrukturo en Esperanto.

„Sekve, en 1910, okaze la Sesa Universala Kongreso en Washington, mi publikigis sub pseŭdonimo *Antido* broŝureton titolitan *La logika bazo de Vortfarado en Esperanto.* Tiu broŝuro enhavis proponojn faritajn al la Akademio Esperantista por starigi ĝeneralan teorion pri la vortformado.

„La Akademio elektis specialan komisionon por ekzameni la proponojn de Antido kaj esplori la tutan demandon pri la vortteorio en Esperanto. Tiu komisiono konsistis el S-ro *de Saussure,* prezidanto, S-roj *Höveler* (Ĉefeĉ) kaj *Grabowsky.* En majo 1913, konforme al la raporto de la komisiono, la Akademio oficiale akceptis la du unuajn proponojn de Antido, kiuj vortiĝis jene:

1e La Akademio opinias, ke *la vortformado en Esperanto estas fondita sur la logika kaj senpera konstruo de ĉiu aparta vorto kaj ne sur tiel nomitaj „reguloj de derivado";* ke reguloj de derivado malutilus al la lingvo, agante kontraŭ ĝia normala funkciado, ke tiaj reguloj alportus arbitrajn elementojn, ĝenantajn por la skriba lingvo kaj tre malutilajn por la parola lingvo.

[1] *Fundamentaj Reguloj de la Vort-teorio en Esperanto,* de R. de Saussure. Broŝuro, 40 paĝoj. Prezo: Fr. 0.50. Oficejo de Svisa Esperanta Societo, Hotelgasse 10, Bern.

2° La Akademio opinias, ke multaj aŭtoroj trouzas sufiksojn; tio estas preskaŭ neevitebla en la parolado, sed tio estigas la skriban lingvon nenecese peza. La kaŭzo de tiu trouzo kuŝas en la fakto, ke nevole oni ofte tro insistas sur ĉiu esprimota ideo por ĝin penetrigi pli forte en la spiriton de l' aŭskultanto aŭ de l' leganto. Ĉar aliflanke oni devas ne tiel ŝparegi la sufiksojn, ke la vortoj fariĝos nekompreneblaj, estas konsilinde difini la du limojn, inter kiuj oni devas resti, tiamaniere, ke oni lasos al arbitro kaj al personaj preferoj rolon kiel eble plej malgrandan.

La Akademio do rekomendas al la aŭtoroj Esperantistaj, ke ili observu la du principojn de *neceso* kaj de *sufiĉo* (vidu p. 8), kiuj kontraŭstaras unu la alian kaj formas la logikan bazon de vortkonstruo en Esperanto.

„La aliajn proponojn de Antido la Akademio ne akceptis en ilia origina formo, kiu ŝajnis iom tro rigida kaj teoria por la praktika uzado de la lingvo. Mi do dediĉis la jaron 1914 kaj parton de 1915 al reorganizo de la komisiono,[1] reesploro de la tuta temo, komparo kun aliaj sistemoj kaj studo de la kritikoj intertempe faritaj de diversaj akademianoj kaj aŭtoroj Esperantistaj; kaj la rezulto estas la nuna raporto, titolita *Fundamentaj reguloj de la Vort-teorio*, en kiu la tuta teorio estas esprimita per 16 reguloj, klarigataj per aro da ekzemploj, kiuj montras, kiamaniere oni devas apliki la regulojn en la praktiko.

„Tiun raporton mi havas nun la honoron submeti al la aprobo de la Akademio kiel definitivan formon de la vort-teorio en Esperanto."

Ni opinias utile represi la 16 Fundamentajn regulojn de la Vort-teorio, kiuj elmontras la tutan sistemon:

*A. Difinoj*

1. *Vorto* estas simbolo de *ideo*. Trovi la ideon, kiun esprimas donita vorto, estas *vortanalizo*. Konstrui la vorton, kiu elvokas donitan ideon, estas *vortsintezo*.[2]

2. Vorto *simpla* estas vorto unuelementa (ekz.: *ekster*). Vorto kunmetita estas vorto kreata per kunigo de vortoj simplaj (ekz: *mal'bon'ul'o*).

3. Ekzistas kvar specoj de vortoj simplaj: la vortoj radikaj aŭ *radikoj* (ekz.: *hom*); la vortoj prefiksaj aŭ *prefiksoj*, kutime uzataj antaŭ radikoj (ekz.: *re* en „re'veni"); la vortoj sufiksaj aŭ *sufiksoj* kutime uzataj post radikoj (ekz.: *ul* en „bon'ul'o"); la vortoj finaĵaj, aŭ *finaĵoj*, kutime uzataj ĉe fino de vortoj (ekz.: *i* en „ĉirkaŭ'i"). — Ĉiuj vortoj simplaj, eĉ la finaĵoj, estas rigardataj ankaŭ kiel *memstaraj* vortoj.

4. *Pleonasmo* oni nomas la ripeton de la sama ideo. Pleonasmoj plifortigas la ideon esprimatan (ekz,: *jes, jes!* estas pli forta, ol simpla *jes!*); pleonasmoj tamen ne ŝanĝas la signifon de la vorto aŭ de la frazo (ekz.: *virhomo* = *viro*).

5. *Sinonimoj* oni nomas la vortojn, kiuj havas plej ofte saman signifon, kvankam malsaman formon (ekz.: *egalpezo* kaj *ekvilibro*).

6. Ĉiu vorto povas esti uzata en senco *propra* aŭ en senco *figura*. Ideo per si mem ***konkreta*** povas esti prenata en senco ***abstrakta***, kaj reciproke.

*B. Vortanalizo*

7. Vorto simpla estas elemento *memstara* kaj *nevariebla*, kies signifon oni trovas en la Universala Vortaro aŭ unu el ĝiaj Oficialaj Aldonoj.

8. Radikvorto kutime esprimas ideon *specialan* (ekz.: *elefant*); prefikso aŭ sufikso esprimas ideon *pli ĝeneralan* (ekz.: *mal, em*), kaj finaĵo esprimas ideon *plej ĝeneralan: o* (ideo substantiva); *a* (ideo adjektiva); *i, as, is*, k. t. p., (ideoj verbaj); *e* (ideo adverba). — Tamen, vortoj el tiuj diversaj kategorioj povas esti sinonimaj (ekz.: sufikso *ec* estas sinonimo de radiko *kvalit*). — Multaj vortoj ankaŭ, kvankam ne sinonimaj, estas dependaj unu de la alia pro sia signifo mem. Ekzemple, radiko *pom* estas dependa de radiko *frukt*, ĉar la pli speciala ideo „pom" entenas en si mem la pli ĝeneralan ideon „frukt"; siavice la ideo „frukt" entenas la pli ĝeneralan ideon de „aĵ'o" konkreta, kiu fine entenas la ĝeneralan ideon substantivan „o". Resume, en vorto ***pom*** **sin kaŝas la diversaj** ideoj: *pom (frukt) (aĵ) (o)*.

9. Antaŭ ol analizi vorton, oni povas forigi la neutilajn por la analizo pleonasmojn.

Ekzemple, en la vorto *frat'o* la finaĵo *o* estas pleonasma, ĉar radiko *frat* jam en si mem enhavas la ideon substantivan. Do, kiel klarigis ankaŭ Zamenhof en Fund. Krest. (p. 248): *frat'o* = *frat*.

10. *Leĝo de renverso*. Por analizi vorton *duelementan*, oni disigas la du elementojn kaj renversas ilian ordon.

Ekzemple, *supreniri* (formo sinteza) signifas „iri supren" (formo analiza).

11. Se tiu analizo ne sufiĉas, oni elvokas la ideojn kaŝitajn *en* ĉiu elemento.

Ekzemple, en radiko *ĉeval* sin kaŝas la pli ĝenerala ideo „best"; do *ĉeval'o* = *ĉeval(best)'o* = „besto ĉeval", „besto (el speco) ĉeval".

12. Se tia analizo ankoraŭ ne sufiĉas, oni elvokas la ideon kaŝitan *inter* la du partoj de la kunmetita vorto. Tiun kaŝitan ideon oni povas ĝenerale esprimi per la vortoj „karakterizata per".

Ekzemple, *skribtablo* = „tablo (karakterizata per) skrib(i)".

13. Fine, se tia analizo eĉ ne sufiĉas, oni elvokas la ideojn kaŝitajn *en la kunteksto* (precipe en poezio).

Ekzemple, en la frazo:[1] „Kiel sigelis vi la *skribon?*", la vorto *skribo* estas uzata en senco de *skribaĵo*, kaj la konkreta ideo „aĵ" estas elvokata nur per la kunteksta vorto „sigelis".

14. Por analizi kunmetitan vorton *multelementan*, oni disigas ĝin en vortojn duelementajn.

Ekzemple: *ĉeffalkgardisto* = *ĉef'falkgardisto;* siavice: *falkgardisto* = *falk'gardisto;* fine: *gardisto* = *gard'isto*, kaj *isto* = *ist'o* = *ist* (laŭ reg. 9a).

*C. Vortsintezo*

15. La sintezo, aŭ konstruo, de vortoj estas fondita sur la principo de *minimuma peno*, esprimebla jene:

*Principo de neceso*. Por konstrui vorton kunmetitan, oni kunigas ĉiujn vortojn simplajn, kiuj estas *necesaj* por klare elvoki la ideon esprimotan de tiu kunmetita vorto (sen aŭ kun helpo de kunteksto).

*Principo de sufiĉo*. En la vorto konstruata oni devas eviti la *neutilajn* pleonasmojn kaj la ideojn *fremdajn* je la ideo esprimota.

16. Por konstrui vorton konforme al la du ĉi supraj principoj, oni uzas procedojn precize *inversajn* je tiuj uzataj por la vortanalizo.

* * *

La regulojn sekvas ekzemplaro eltirita el la Fundamento de Esperanto. Por klarigi la uzitan metodon, ni citu tion, kio rilatas al la sufikso *ad* (§ 15).

Unue, la ekzemploj:

La *kanto* de la birdoj estas agrabla. — Ĝojan *feston!* — „Vi tute ne estas ĝentila", diris la feino sen *kolero*. — Li estas de meza *kresko*. — Mi malbonigis mian tutan *laboron*. — Mi aŭdis du *pafojn*. — Lia hieraŭa *parolo* estis tre bela.

Por ĝia absoluta *regado* unuanime staris ĉiuj registaroj ... — La pazigrafio, kiu ankaŭ estas fondita sur la *numerado* de la vortoj ... — La lingvo internacia ne povas malfortigi la lingvojn naciajn, sed kontraŭe devas konduki al ilia plena *ekflorado*.

Sekvas la rimarkoj:

La vortoj ***kant, paf, koler***, k. t. p., entenas en si mem ideon verban, do agan aŭ statan. Sekve: ***kant'o*** = ***kant(ag)'o*** = ago kant'; ***koler'o*** = ***koler(stat)'o*** = stato koler.

Kontraŭe la vortoj ***reĝ, numer, flor***, k. t. p., entenas ideon ne de ago aŭ stato, sed de ulo, de aĵo, k. t. p. Do, en vorto ***reĝ'ad'o***, ekzemple, la ideo aga estas esprimata per sufikso ***ad***, kaj nur per la sufikso ***ad***, ĉar, se oni forigas tiun sufikson, restas la vorto ***reĝ'o***, kiu entenas en si nenian ideon agan. Sufikso ***ad*** estas do sinonima de la verba ideo „ag" (fari agon) aŭ „stat" (esti, iĝi en stato), kaj sekve: ***reĝ'ad'o*** = ago (karakterizata de reĝo); ***flor'ad'o*** = stato (karakterizata per) flor(oj).

* * *

La teorio, proponita de S-ro R. de Saussure, tute ne havas reforman celon. Ĝi ne havas apriorian karakteron, en tiu senco, ke ĝi ne pretendas rekonstrui la lingvon laŭ logikaj principoj arbitre antaŭfiksitaj. Ĝi nur celas eltiri el la ekzistanta lingvo la principojn, al kiuj nekonscie, instinkte, konformiĝis la aŭtoro de Esperanto kaj la uzantoj de nia lingvo. D-ro Zamenhof ne formulis regulojn de derivado, sed li fakte agis kvazaŭ ekzistus tiaj reguloj — ne formalaj kaj rigidaj reguloj, sed iu ordo, iu logiko konforma al la

[1] S-ro Grabowsky pro aliaj okupoj eksiĝis el la komisiono, kaj Prof. Cart lin anstataŭis.

[2] Sekve, *sintezi* estas tasko de skribanto aŭ de parolanto, dum *analizi* estas tasko de leganto aŭ de aŭskultanto.

[1] El „Hamleto", trad. de Zamenhof (p. 158).

genio de la lingvo Esperanto kaj de ĉiuj lingvoj. S-ro R. de Saussure, post longa esplora kaj kompara laboro, eltiris tiujn regulojn kaj formulis ilin, montrante per ekzemploj, ke Esperanto, kiel ĉiuj lingvoj, estas regataj de ili. Li do ne estas kreinto, sed eltrovinto. Ke tiuj reguloj estis aplikitaj senkonscie antaŭ ol ili estis formulitaj estas konforme al tio, kio okazas je ĉiuj leĝoj pri naturfenomenoj.

Se estas tiel, oni eble diras, por kio utilas la eltrovo de S-ro de Saussure? — Unue al tio, ke ĝi montras, ke en la Esperanta derivado ekzistas iu logika ordo, sed ne ĥaoso kaj senreguleco, kiel antaŭe kredis kaj kredigis la kontraŭuloj de Esperanto. Tiu ordo estas konforma al tiu, kiu regas en la naciaj lingvoj, sed kun tiu grandega diferenco, ke en ĉi-tiuj ĝi estas vualata de la kripligoj kaj formodifektoj, kiuj svarmas en niaj lingvoj. — Due, je la praktika vidpunkto, la formuligo de la du principoj de *neceso* kaj *sufiĉo*, akceptitaj de la Akademio, certe instigos la aŭtorojn eviti pleonasmojn, ne trouzi sufiksojn kaj konservi simplan stilon. La reguloj antaŭe cititaj neniel ĝenas la liberecon de la verkisto, sed ili donas al ili utilajn montrojn, rememorigante lin pri la du limoj de neceso kaj sufiĉo, kiuj malhelpos lin peki pro troa koncizo aŭ pro pedanteco. Certe, la plenaj reguloj de la vort-teorio ne devas esti presataj en elementa lernolibro, sed ili meritas trovi lokon en la pli superaj verkoj, kiujn uzas la spertaj Esperantistoj kaj niaj instruantoj, ĉar la kono de tiuj reguloj kaj ilia konscia aplikado povas utile efiki rilate al la klareco kaj unueco de la Esperanta stilo. Ili plie komprenigas, ke en Esperanto la derivado tute ne estas arbitra kaj sensistema, sed estas regata de malrigidaj reguloj. Dankinda estas S-ro de Saussure pro sia longa esplora laboro, kiu, post diversaj deflankiĝoj, fine kondukis al plena teoria pravigo de la Zamenhofa lingvo.

## Alvokoj

### Pri la verko „Karaktero"

Eble post kelkaj monatoj mi prilaboros novan eldonon de la moralfilozofia verketo de S-ro advokato J. M. van Stipriaan Luiscius: „*Karaktero*". Ĉar mia intenco estas, eventuale eldoni kiel eble plej perfektan tradukon, mi tre ŝatus, se la legintoj de la nomita verko bonvolus sendi al mi siajn rimarkojn pri la traduko, stilo, k. t. p.

*J. H. Bruijn*, eldonisto.
Paul Krugerlaan 37, *Hago* (Nederlando).

### Pri tradukoj

La informo aperinta sub tiu titolo en N-ro 5, paĝo 60 (12), devas esti korektata kiel sekvas: La Redakta Komisiono ĉe Moskva Studenta Grupo Esp. en Universitato petas komuniki la verkojn kaj sciencajn artikolojn *tradukindajn* (anstataŭ: tradukitajn) Esperanten. Adreso: Moskvo, Lubjanskij pr. 3, kv. 34, por Red. Stud. Kom.

### Al vojaĝantoj

Por ebligi ĝustatempan ĉeeston, la eksterlandaj Delegitoj kaj aliaj samideanoj estas petataj, anonci la alvenon ĉe la landlimo kiel eble plej frue, ĉar pro la cenzuro korespondaĵoj ne estas ekspedataj laŭkutime.

*O. Haller*, Del., Rorschach (Svisujo).

## *Al niaj abonantoj*

*Dum la daŭro de la milito, la abonantoj povas ankaŭ pagi sian reabonon al: S-ro S. Szabunievicz, Bankovskij 2, Moskvo (por* Rusujo*). — S-ro F. Ellersiek, Wissmannstr. 46, Berlin S 59 (por* Germanujo*). — S-ro D-ro Sos, Tuchlauben 18, Wien I (por* Aŭstrio*).*

*Pro la alta kurzdiferenco, la* rusaj abonantoj *estas informataj, ke ili devas de nun pagi 2.50 rublojn por abono al ordinara eldono kaj 3.— rublojn por luksa eldono.*

## Niaj Mortintoj

La jenaj samideanoj mortis sur la batalkampo. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.

**Baumgärtel,** el Leipzig (German.).
**Boberach,** el Dresden (German.).
**Erdmann,** el Leipzig (German.).
**Eule,** el Leipzig (German.).
**Grenier,** el Escautpont (Nord, Franc.), membro N-ro 673.
**Grœr,** el Bunzlau (German.).
**Hinze,** el Leipzig (German.).
**Hoffmann,** el Leipzig (German.).
**Hubner,** el Leipzig (German.).
**Huckauf** el Leipzig (German.), membro N-ro 8821.
**Jetter,** el Jena (German.).
**Kiessig,** el Dresden-Pieschen (German.), membro N-ro 1755.
**Kötsch,** el Leipzig (German.).
**Krywult,** el Villach (Aŭstrio).
**Leuschel,** el Leipzig (German.).
**Lücke,** el Wiesbaden (German.).
**Patsch** (Max kaj Richard, fratoj), el Leipzig (German.).
**Preller,** el Dresden (German.).
**Roggatz,** el Danzig, membro N-ro 3343.
**Saalfrank,** el Recklinghausen (German.).
**Sachsenweger,** el Leipzig (German.).
**Sahler,** el Hattingen (German.).
**Schmidt,** el Leipzig (German.).
**Sievers,** el München (German.).
**Stracke,** el Bochum (German.), Del. de UEA, fondinto de la Esp. grupo „Progreso".
**Wagner,** el Villach (Aŭstrio).
**Waldau,** el Stuttgart (German.).

* * *

Kun doloro ni eksciis la morton de la jenaj fervoraj samideanoj:

**G. Allard,** direktoro de Hotelo Coomans en Roterdamo, membro de UEA kaj honora membro de la Roterdama grupo „Merkurio", kiu perdas en li neanstataŭeblan apoganton.

**Couturier,** el Parizo, okdek-du jarulo, kiu malgraŭ sia alta aĝo estis fervora Esperantisto kaj ĉeestis ĉiujn kongresojn.

**F. Farjon,** Prezidanto de la Komerca Ĉambro en Boulogne s./Mer (Francujo), unu el la organizintoj de la unua Universala Kongreso.

**Johannes Heyn,** el Leipzig, kiu iam fondis Centran Komercejon por Esperantujo en Dresden kaj poste ĝin daŭrigis en Leipzig.

**George Ledger,** el Londono, ano de la Lingva Komitato kaj fervora propagandisto de nia lingvo en Britujo.

**L. Schlaf,** el München, fondinto de diversaj propagandaj entreprenoj en Germanujo.

* * *

Sur la batalkampo la morto trafis nian tre fervoran francan samideanon, **Kapitano Capé-Montrosier.** La malnovaj Esperantistoj rememoros, ke S-ro Capé, antaŭ proksimume dek jaroj, multe laboris por nia afero en Norda Afriko, kaj speciale en Alger. Li faris multnombrajn paroladojn kaj kursojn, iniciatis la fondon de grupoj kaj de la gazeto „Alĝera Stelo". Reveninte al Francujo, S-ro Capé fondis sub la titolo „Tra la Mondo" la unuan Esperantan ilustritan revuon, kiu regule aperis dum du jaroj, kun interesa kaj tre internacia enhavo. Bedaŭrinde, li ne povis daŭrigi sian taskon, kaj en la lastaj jaroj li ne tiel aktive kiel antaŭe sin okupis pri nia movado, al kiu li cetere ĉiam restis fidela. Ni konservos fidelan rememoron pri tiu agema kunbatalinto, kiu tiel energie kaj ofereme laboris por la disvastigo de nia lingvo en Francujo.

# Esperantistaj militkaptitoj

*Dek-kvina listo*

*Baghy Gyula*, Irbit (Perms. gub., Rusujo).
*Beraba Mayer*, civilkaptito, Gruppe I. B. 82. Lager Aschach a. d. D. (Aŭstrio).
*Cart, Adrien*. Nova adreso: Altengrabow, Mannschaftsgefangenenlager. Truppenübungsplatz. Bat. 1, Comp. 3, Baracke 3—174.
*Cavalieri, Domenico*, itala internigito en Katzenau bei Linz.
*Dangonhe Dindonne*, internigito en Speckholzheide (Nederlando).
*Deniau, Lucien*, franca internigito, en Kandersteg, Hotel Kurhaus (Svisujo).
*Eschembrenner, Louis*, el Fresne-Nord (Franc.), serĝ., 162ª Inf. Reg., Lazaret Bayreuth (German.).
*Gareis, Paul*, el Lübeck, Malijŝeva, Tversk gub., Bajarski Lisnitzi (Rusujo).
*Neumann*, Solikamsk (Permskaja gub., Rus.).
*Prenois, Eugène*, Gefangenenlager II, Münster i. W. (German.).
*Ŝupich, Joseph*, el Červeny Kostelec (Bohem.), Bereŝova (Siberio).

* * *

Ni petas, ke oni bonvolu kompletigi tiujn listojn, sendante al ni la nomon kaj plenan adreson de la militkaptitaj Esperantistoj.

# REKLAMO

## KORESPONDADO

L = *letero*. PK = *poŝtkarto*. PI = *poŝtkartoj ilustritaj*. PM = *poŝtmarkoj*. bfl = *poŝtmarko sur bildflanko*.

AHMEDNAGAR (Indio). — S-ro Erich Gruhlke, Vilao Esperanto, Prisoner's of War Comp. B, Section 3, Bunck 4 (dez. ricevi Esp. propagandilojn).

BUENOS AIRES (Argentino). — S-ro V. Deulofeu, 5758, Sto. Rivadavia PI (kun ĉiuj landoj, ĉiam respondos).

BUENOS AIRES (Argentino). — S-ro A. Inschus, 591, Casella Correo, PI, L.

CHICAGO (Usono, Ill.). — S-ro Fr. Michl, 1213 W., 18th., PI, L.

HARDERWIJK (Nederlando). — S-ro Oscar Maka, soldato belge, 5e Art. Baraque 3, PI, L.

HARDERWIJK (Nederlando). — S-ro Ernest Randathe, belga soldato, 14ª Inf. Reg., Barako 38, PI (kun samideanoj de ĉiuj landoj).

HARDERWIJK (Nederlando). — S-ro Jules Wigria, belga internigito, Bloc 1 (kun sinjorino aŭ fraŭlino).

MONTEVIDEO (Urugvajo). — S-ro José Alvarez Garcia, 1020, Str. 18 de Julio, PI (ĉiam respondos).

MONTEVIDEO (Urugvajo). — S-ro J. V. Bouzas, tipografiisto; 1667, strato Tacuari, L, PI, bfl (kun sammetianoj el ĉiuj landoj kaj por interŝanĝo de presaĵoj).

MONTEVIDEO (Urugvajo). — S-ro Antono Zorrilla de San Martin, 493, str. Rincon, PI, bfl.

MOSKVO (Rusujo). — S-ro Ĵeltov, Razgutaj domo 38, II, kv. 9, PI, L, PM, k. t. p.

MOSKVO (Rusujo). — S-ro N. Neĥoroŝev, 10, Nikolskaja, kontoro Nef, PI.

REGENSBURG (Germanujo). — Esperanto Lega Rondo, Stahlzwingerweg 10, I. (interŝanĝi Esp. gazetojn).

SAINTS (Francujo, Seine-et-Marne). — S-ro Leopold Charpentier, PM, L, PI (pri iu ajn temo kun ĉiuj landoj eĉ kun Francujo, en Esp. kaj franca lingvo.

SEVILLA (Hispanujo). — S-ro D-ro Rafael Fiol, 9, str. Vergera, PI, PM (ĉiam respondos).

STANICA APŜERONSKAJA (Rusujo, Kubansk Obl.). — S-ro Johano Kulitan, Kontoro L. Andreis, L, PI.

TOKJO (Japanujo). — S-ro T. Okoda, ĉe Yoŝihara, 13, Minamimakiĉo, Kjoobaŝi, PI kaj PM (kun tutmondaj samideanoj).

ZEIST (Nederlando). — S-ro F. Decamps, internigito, barako 15, tendaro II (kun samideanoj el skandinavaj landoj).

ZEIST (Nederlando). — S-ro René Delvoie, bar. 15, tendaro II (kun samideanoj ĉiulandaj, precipe kun hispanaj).

## PETOJ KAJ PROPONOJ

AVIZO: Pro la nunaj cirkonstancoj ni ne akceptas komercajn anoncojn el la militantaj landoj.

AKCEPTO. — S-ro Miĥaelo Suĥovskij, Majmaksa Zavod Alcius, Arĥangelsk (Ruslando), volonte akceptas ĉiulandajn samideanojn maralveturantajn en nian havenon kaj donas diversajn informojn.

FIRMOJ dezirantaj importi aĵojn en Nederlando, malkare povas peradi per filio de ĉefa Nederlanda ekspeda firmo. Havas magazenon por malgrandampleksaj komercaĵoj. Prefere patentitaĵoj. Ĉe S-ro F. Pakker, Vicdel., Reederijstr. 10, Rotterdam.

INĜENIERO-DESEGNISTO ŝatus laboron ĉe eksterlanda sammetia entrepreno. Skribi pri kondiĉoj al Harold Soulds, 8, Grove St., Halifax (Anglujo).

MALAPERINTO. — Wenzel Lukaŝ, soldato de la 11ª k. k. Inf. Reg., 10ª komp., malaperis dum 1915. Oni supozas lin militkaptito en Ruslando. Utilajn informojn oni petas sendi al S-ro J. Kavan, Del. en Jilemnice (Bohemujo) aŭ al la C. O. de UEA.

MALAPERINTOJ. — S-ro Marc-Antoine-Gabriel Eymard, serĝento, 5ª Inf. Reg., 8ª K-io, N-ro O 12,250, malaperis la 29 septembro 1914 en Appremont. — S-ro Aug.-Marie-Joseph Allegret, brigadiro, 2ª Reg. Dragons, 2ª Sk., N-ro 2503. Vundita kaj malaperinta en Zonnebeck. — Ian ajn informon sendu al S-ino Vaesen, por S-ro Kharachnick, 13, place Morand, Lyon (Franc.).

PETO. — Oni petas informon pri soldato Ersatzreservist Armin *Lorbeer*, de la germana Rezerva Inf. Reg. 227, Komp. I, malaperinta dum Julio 1915 sur la orienta batalkampo. Respondojn al S-ro E. Ulitzsch, Schillerstr. 16, III, Gera (Reuss, German.)

SERBAJ MALAPERINTOJ. — Oni deziras informojn pri la familioj de serbaj esperantistoj: S-ino Milka *Budjevac*, 4, Bitolyska strato, Belgrado. — S-ino Zeliza *Dimitrieviĉ*, 7, Miliza str., Belgrado. — S-ro Milizi *Djuriĉ*, universitata studento, Sarajevska str., Belgrado. — S-ro Ilinki *Klajiĉ*, Toplicin Venac, Belgrado. — S-ro Petar *Lasiĉ*. en Aleksinac. — S-ino Vasilia *Stojanoviĉ*, 24, Prischtinska, Belgrado. — S-ro Filip *Trivounac*, en Nisch. Ĉiujn elspezojn la C. O. de UEA repagos al la bonvolaj samideanoj, kiuj sendos fidindajn informojn. Ĉion koncernan oni sendu al UEA, 10, rue de la Bourse, Genève.



PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO